# LITERATURA Mondo

TRIA PERIODO — DUA JARO — 11—12

ĈEFREDAKTORO: KOLOMANO KALOCSAY
REDAKTA KOMITATO: FERENC SZILÁGYI, LUDOVIKO TÁRKONY, GASTON WARINGHIEN
ĈEF KUNLABORANTO: JULIO BAGHY



REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST. VIII RÖKK SZILÁRD-STR. 28. HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: *TRAGEDIO DE L' HOMO* . . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: *INFERO* . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: *ARTHISTORIO I.* . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Sirjaev: **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | | Elĉerpiĝis |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustraĵoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): *DE PAĜO AL PAĜO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . . | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: *ARĜENTA DUOPO,* jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzerovicz: *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: *AULI* . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzerovicz: *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: *AMO DE TOOjUURO* . . . . | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉense: *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via Libristo.

# Inter sudo kaj nordo

F. Szilágyi

Mi sidas ĉi tie kaj ekskribas. Kion mi verkos? Ĉu estos taglibro, aŭ rakonto, aŭ riporto, aŭ pensoj kaj instruo, aŭ nur sinamuzo? Versajne la kunlaboro de miaj fingroj kaj de la skribmaŝino rezultos ion ne facile enskatoleblan en la kategorioj de la artospecoj.

La homgrupo, el kies vivo mi intencas prezenti bildojn, estas grupo de vilaĝanoj, kiuj iam, en la malpli maltrankvilaj tempoj, estis destinitaj vivi kaj morti samloke. Nun okazis ke post la furiozo de la milito venis vento, kiu prenis kaj demetis ilin — sudlandanojn, terkulturistajn hungarojn — meze de la nordo, en Svedlando. Ili devas daŭrigi sian vivon kiel terkulturistoj, aŭ, en la aktuala okazo, kiel arbarlaboristoj, meze de la seriozaj kaj malhelverdaj svedaj arbaroj, en nova lando, nova medio. Cento da „senlingvuloj", kun aliaj moroj kaj sinteno, kun alia vivfundamento, venis al alia geografia kaj anima klimato. Ili venis el lando, kiun profunde skuis la milito; kaj post ties brutalaj batoj la klariĝantaj kapoj ankoraŭ sentas ian duonsvenelon, kapturniĝon, precipe alvenante al lando, kiun la teruro indulgis. Tiu homgrupo estas, laŭ siaj instinktoj, ege ligitaj al kutimoj, kiujn oni volonte levas al la rango de leĝoj. La Vilaĝo ne estas granda, sed ĝi estas potenco. La Vilaĝo ne ellasas facile siajn filojn, kaj se iu ŝajne eĉ pli granda potenco provas absorbi ilin kaj doni al ili novajn mezurojn kaj regulojn en tute fremda lando, subite oni spertas, ke la origina, potenca kaj severa vilaĝo diktas kaj malpermesas. La vilaĝo pluvivas ĉi tie en la fremda lando, ĝi kunigas siajn anojn, eĉ se ili estas ne pli ol duope. La vilaĝo diktas pri vivo, vivpercepto kaj modo en la formo de mesaĝoj, leteroj, klaĉoj, aŭ instinkta respekto. Ĝi kunigas siajn filojn, kaj disigas en aliaj okazoj, kaj nur la tempopaso povus bridi ĝian potencon. Sed pasis nur ne tute unu jaro, de kiam ili forlasis la malnovan landon, kaj laŭ la planoj ili restos en tiu ĉi lando nur du jarojn por plibonigi sian financan situacion — postmilitan. Eble estas bone kaj saĝe, ke la fermita unuo de la vilaĝo observas kaj kontrolas ilin, ĉar alie ili eble perdus sian radikon inter la sudo kaj nordo.

Mi ne dubas pri tio, ke oni povus verki tre instruan eseon, ĉu socian, ĉu amaspikologian, pri tiu ĉi rilato de nova kaj malnova vivoj, sed mi ne kredas, ke la spertoj estas sufiĉe longdaŭraj por tio kaj ankaŭ la verkisto devus maturigi siajn observojn kaj asertojn ankoraŭ longe kaj persiste. Ne pretendu de mi do eseon; eble tiuj ĉi rimarkoj kaj rakontoj povas doni fundamenton ankaŭ al tia laboro. Sed la temo jam nun stimulas kaj incitas min: homoj el la sudoriento en la nordo, vivoj el la kirliĝo de postmilita, militinta regiono, en lando, kie ne estis milito dum multe pli ol cent jaroj, homoj vivintaj sub la influo de tempo, kiam la vivo re-formiĝas kaj reformiĝas, kaj kiuj nun venis en landon, kie la vivo estas iel regulita de multaj generacioj — oni povus daŭrigi tiun ĉi amasiĝon de kontrastoj preskaŭ senfine — jes tio povus esti temo. Aŭ, ĉu ne eble nur jurnalista riporto? Nu, eĉ se estus tiel, oni ja povus — se oni povus — verki ion grandan ankaŭ en tiu artospeco. Pripensu, ke certagrade ankaŭ Dante estis jurnalisto de sia grandioza vizio.

Mi sidas ĉi tie en mia malgranda kontoro en eta sveda urbo; jam ne estas somero, sed ankoraŭ ne estas aŭtuno. La skribmaŝino frapadas kaj foje-foje la telefono eksonoras por anonci peton, aŭ reklamacion, aŭ simplan parolemon de miaj samlandanoj, kies lingvon kaj dezirojn mi devas interpreti al la entrepreno, kiu estas mia kaj ilia laboriganto. Tiel mi kaj miaj samlandanoj kuniĝis dum unu longa jaro, kiu komenciĝis tre malfacile el la vidpunkto de la vetero, laboro, ekonomio, kutimoj kaj lingvo. La urbeto, kie mia skribmaŝino verŝas la vortojn, estas en la hejmregiono de Selma Lagerlöf, en tia landparto de tiu ĉi longa lando, kie eĉ la industriiĝo ne tute ekstermis la romantikon. La naturo estas romantika: silentoplenaj,

fabelagordaj arbaroj kaj lagoj, kies longajn liniojn nur foje-foje rompas pli-malpli grandaj fabrikoj, minejoj ; t. n. vilaĝoj, kiuj konsistas el kelkaj ruĝaj domoj kaj fojnejoj aŭ etaj komunumoj, miniaturaj urboj, kia estas ankaŭ tiu ĉi. La vivo havas certe siajn realajn malfacilaĵojn ankaŭ por la indiĝena loĝantaro, sed oni estas iel pli intima, pli facilhumora, pli senpera en tiu ĉi parto de la lando ol aliloke. Io restis ĉi tie el la fabelagordoj, ĝi naĝas, ŝvebas en la atmosfero, estas ia mikso de la reala vivo kaj de la tradicio kaj popolfabelaj kontrastoj. Mi ne povas ne pensi pri tio, ke en tiu ĉi urbeto mi vidis la unuan tute senharan barbiron en la mondo. Neniu rimarkis tion, eble nur li mem, kiu dungis alian — kalvulon. La ĉefbarbiro havas kapon precize kiel biliardglobo. Mi vidas en tio simbolon. La homoj, aĝuloj kaj junuloj estas facile ridemaj kaj plej ofte tre bonkoraj. Je demando de fremdulo ili sereniĝas kaj donas informojn kun voĉo, el kiu oni sentas iaspecan jubileton : „Kiel bone, ke oni elektis ĝuste min por peti helpon." Fabela agordo.

Por mia agado ĉiuokaze tiu ĉi urbeto estas la centro. De ĉi tie mi kutimas telefoni aŭ veturi al miaj klientoj, kiuj laboras, vivas kaj havas siajn problemojn en la profundo de la arbaroj, aŭ kelkfoje en komunumoj. Sed ĉi tiu lasta okazo estas la pli malofta. La sinteno de la homoj en tiuj lokoj estas proksimume la sama. Koncerne miajn samlandanojn, ilin tute nature infanigis la manko de la lingvo ne nur lingve, sed komence ankaŭ en multaj aliaj rilatoj. La lingvo estas potenco, kaj vilaĝanoj ne facile lernas lingvon. La nescio de la lingvo efikas al la tuta vivo kaj kaŭzas ofte ne nur ridon, sed ankaŭ konfliktojn. Ĝuste malhelpi miskomprenojn en kaj ekster la laboro, estas mia tasko.

Sed oni devas esti rapida kaj decida, ĉar la distancoj estas grandaj kaj kelkfoje oni devas veturi preskaŭ cent kilometrojn por atingi du-tri familiojn, kies problemojn, eble etajn, rapida impulso povas gigantigi.

Ofte la indiĝena loĝantaro helpas mem ankaŭ lingve. Ne nur unu okazo estis, kiam iuj — kaj plurfoje simplaj kampuloj — komprenis, ke en la maro de la fremda lingvo, oni mem devas ĵeti la savozonon al la bezonantoj. Hungara-sveda vortaro kaj bona lernolibro ankoraŭ ne ekzistas, nur tiaj necesfrazaroj, sed svedaj laboristoj aŭ intelektuloj komencis studi tiujn, kaj kelkaj montris mirindan rezulton. La plej lertaj el tiuj entreprenemuloj estas edzino de bienlaboresto kaj protestanta pastro. Ĉi tiu lasta estas cetere inventanto de nova lingvo : Basic-hungara. Lastatempe, la ŝtatigo de la hungaraj lernejoj, kies granda parto apartenis al la eklezioj, ne gajnis la aprobon de la hungara katolika ĉefepiskopo. Tion la ĉi-tieaj gazetoj menciis kun diversaj komentoj laŭ sia politika starpunkto. La protestanta parohestro klopodas konstante informi pri la mondokazaĵoj la ses hungarajn familiojn, kiuj vivas proksimaj al li. Liaj preskaŭ unujaraj intensaj privataj studoj en la malfacila hungara lingvo permesis al li doni la supre menciitan informon en la jena formo :

— La granda hungara pastro ne ŝatas lernejon !

Tiu hungarlingva informo kaŭzis multan cerbumon en Nov-Hungario en la sveda arbarregiono.

Nu, ni parolu nun pri la lingvaj malfacilaĵoj. Kiam oni alvenis, ĉio estis tiel stranga. Oni ne komprenis la tutan situacion. Estis tute alia mondo. Eble afabla kaj amika, sed iel timiga. Anstataŭ la grandaj kaj babiloplenaj vilaĝoj oni venis en la silenton de la nordo. Homoj nur escepte troviĝis. Oni infaniĝis kaj junaj viroj, virinoj, kiuj travivis brave la militon tie sude, ĉi tie perdis la kuraĝon. Kaj en la profundo de la barbohavaj arbaroj ili ricevis la infanan timon. Oni ne sentis sin sekuraj. Oni timis la muton kaj suspektis insidon homan kaj bestan atakon malantaŭ ĝi. Tiam estis vintro. La pinglobranĉoj de la abiaro kliniĝis ĝeme sub la pezo de la blindige blanka neĝo. Junula grupo venis en neĝtempesto en arbaron izolan, timigan, sovaĝan. La suno estis ekzilita el tiu ĉi vintra regno kaj la taglumo malaperis jam ĉirkaŭ la dua aŭ tria horo posttagmeze. Hejme oni estis fiere, eble eĉ provoke kuraĝa, sed ĉi tie el la dek junaj viroj iĝis dek infanoj. Ili kaŝis sian timon sub blasfemon :

— Al la diablo tiun, kies ideo estis nin venigi tien ĉi !

# *La hurlantoj*

*Leconte de Lisle*

La suno jam la flamojn sub akvon mergis ruĝe,
La urbo endormiĝis sub montoj nebulvestaj.
Sur rokojn, kiujn lavis nubet' el ŝaumoj krestaj,
La sombra maro verŝis la altajn ondojn muĝe.

Ĉi longan ĝemon eĥis la nokt' multobligante,
En l'universo nuda nenia astro helis,
Sole la pala luno, kiu la nubojn pelis,
Sin, kiel morna lampo, balancis triste-lante.

Mond' muta, kiun markis la signo de fatalo,
Rubaj' de morta globo, kiun hazard' frakasis,
De sia orb' glacia ĝi froste fali lasis
Rebrilon tombe-mornan al la polusa maro.

Sen fin', sinsterne Norden, sub ĉieloj sufokantaj
Afrik', sur kiu ŝirme nebul' kaj ombro brunis,
Leonojn malsatigis sur sablo, kiu fumis,
Kuŝigis ĉe la lagoj la gregojn elefantajn.

Sed, kie bovaj ostoj, ĉevalaj ostoj kuŝis,
Sur la venenhaladza, sterila sablobordo,
Buŝ-longigante, dise, jen magra hunda hordo
Lamentis, hurlojn akrajn, funebrajn el si puŝis.

Kun vostoj ringvolvitaj sub la vibrantaj ventroj,
Kaj larĝokule, treme sur la piedoj febraj,
Kaŭrante, ĉiuj hurlis, senmovaj kaj tenebraj
Kaj frostotremo ilin trakuris por momentoj.

La mara ŝaŭm' algluis al spino kaj al ripoj
La longajn harojn tiel, ke l'ostoj sin ellevis,
Kaj kiam salt-ataka ondeg' sur ili krevis,
La blankaj dentoj klakis sub la sangruĝaj lipoj.

Antaŭ la lun', vaganta kun lumoj plumbe-fridaj,
Ho, kia nekonata angor', ĉe l'mar'obskura,
Animon ekplorigis en via form' malpura,
Pro kio vi plorĝemas, fantomoj teruritaj?

Ne scias mi. Sed, hundoj, hurlaj sur sablo plaĝa,
Post tiel multaj sunoj neniam-plu-revenaj
Mi audas ĉiam, funde de miaj jaroj svenaj,
La malesperan krion de via dolor' sovaĝa.

El la franca : **L. Tárkony**

---

Kelkaj laboristoj, afablaj, scivolaj, du-tri entreprenemuloj, kiuj elŝovis sian nazon el la ne proksimaj lokoj, rigardis ilin kaj provis veni en kontakton kun ili per la lingvo de la gestoj. Cetere la junuloj mem iniciatis tiun ĉi lingvon. La indiĝenoj unue provis sian lingvon, malrapide, klarige kaj laŭte, kiel oni kutime parolas al fremdulo. Oni kredas, ju pli laŭte oni parolas, despli da ŝanco, ke surdulo, aŭ fremdulo komprenas ion. Intertempe la hungaroj interparolis :

— Rigardu tiun ĉi malbenitan arbaron. Ĉi tie eble estas eĉ ursoj ! Lupoj tute certe.

La hungaroj konsentis pri tio, ke lupoj devas esti en tia sendia arbaro. Sed oni devas konvinkiĝi. La plej entreprenema el ili, malleviĝinte, imitis kvarpiedulon kaj blekis kaj provis sin komprenigi per gestoj kaj mimiko, kies sumo signifis :

— Cu tia besto (lupo) ekzistas ĉi tie ?

La svedoj rigardis iom mire, alrigardis unu la alian, interparolis en sia stranga lingvo — ĉu ili vere povas kompreni, kion ili diras ? — kiu povas scii, kion ili komprenis — kaj ili jesis.

— Huu, diablo ilin prenu — diras Joĉjo. — Mi diris, ke estas lupoj en la arbaro !

Ilia hungara kuiristino ĝeme rigardis al la ĉielo kaj ĉesis elpaki siajn vestojn.

La necesejo de la fraulobarako estis lokita ĉirkaŭ 50 metrojn for de la barako. Kaj kiam vespere unu el la junuloj devis iri tiun lokon, la militon spertinta, danĝerojn vidinta junulo ne kuraĝis iri sola. Kuniris ĉiuj ceteraj naŭ Car ili timis, ĉar ili iĝis infanoj.

Nu, tio ne daŭris longe. De tago al tago kreskis la kuraĝo, sed oni malfacile alkutimiĝis al tiu ĉi stranga mondo.

La groteska situacio de la unuaj tagoj vekis en ili poste subkonscian stimulon por ia malice petola, sen entute senkulpa venĝo kontraŭ la nova lando kaj lingvo. Kiam ili post monatoj ricevis svedan, maljunan kuiristinon, ŝi invitis la junulojn per ĝentilaj svedaj vortoj al la manĝotablo :

— Bonvolu veni al la tablo.

Sed kial ŝi ne lernus la saman frazon ankaŭ hungare? Ŝi demandis, kiel oni diras tion en la hungara lingvo. La rezulto estis, ke foje venis hungara gasto, kiun la ĝentila, sveda kuiristino kun pia vizaĝo invitis jene por tagmanĝi kune kun la aliaj:

— Venu manĝaci je sakramento de via ventro!

Por ne perdi la vojon en la arbaro de la vortoj, ni restu ĉe la infanoj kaj la lingvo. Inter la hungaroj estas ankaŭ paroj. Generale ili estas tute junaj, inter dudek kaj dudekkvin jaroj kaj kun tre ĉarmaj, etaj infanoj, plejparte du-tri jaraj. La gepatroj ne facile adaptiĝas al la cirkonstancoj, kvankam ili ride proksimiĝas al la svedoj kaj vekas simpation al si; tio estas mezeŭropa senpereco, kiu konkeras kiel ŝtormo. La pli aĝaj infanoj adaptiĝas pli rapide: ili interkoniĝas kun la svedaj knaboj, kaj baldaŭ ekbatalas kontraŭ ili, sed rapide ili komprenas, ke la sveda sinteno estas entute pli paca, ol la suda — du jarojn post la milito. Ankaŭ ili prezentas ekzemplon de la alsimiliga forto, lernante la svedan lingvon, sed samtempe instruante la hungaran laŭ ia stranga elekto de la vortoj. Oni veturas en plenplena aŭtobuso ien en la sveda provinco, subite oni aŭdas, ke longkreska sveda knabo kun helblonda hararo diras hungare:

— Pattogatott kukorica.

Mi rigardas malantaŭen kaj rimarkas ankaŭ la instruiston: hungaran knabon, kiu elektis ĝuste la ekvivalenton de la „rostita maizo" el la riĉa provizo de la hungara lingvo.

La etuloj aplikiĝis iom pli malfacile al la svediĝo. Ili komunikiĝas plejparte nur kun la gepatroj. Malofte okazas, ke du hungaraj infanoj estas samloke. Sed se jes, tiuj etuloj — du-tri jaraj ili estas — havas tute strangajn mankojn en sia vortprovizo.

Jen ekzemple la eta Zoltano, tre originala knabo. Grandajn bluajn okulojn li havas, kaj tiuj okuloj scivole observas la aperantajn miraklojn de la mondo. Li rimarkas, ke mia edzino havas blankajn orelornamojn el perloj. Li rigardas ilin kaj demandas:

— Kio estas tio?

— Orelringoj — diras la demandito.

Zoltano iom cerbumas, asocias, li ne tute komprenas, kial ĝuste al tiu loko venis ĝuste tiuj objektoj, sed li demandas:

— Ĉu ili estas dolĉaj?

Li ricevas veran bombonon post intervjuo.

Vizitante min en mia kontoro, Zoltano kun granda intereso rigardas mian skribmaŝinon. Lia panjo pritraktas en la kuirejo ian svedan kuirmisteraĵon kun mia edzino. La knabeto demandas min:

— Kie estas sinjoro Szilágyi?

— Mi estas ĉi tie — mi respondas.

— Sed kie estas sinjoro Szilágyi? — li demandas denove kaj elkuras. Li venas en la kuirejon kaj ekvidante mian edzinon, li ekkrias:

— *Ĉi tie* estas sinjoro Szilágyi.

La vorto „sinjoro" estis tute nova al li. Aŭ — ĉu tiu eta akrevidulo rimarkis, kiu estas la vera sinjoro en nia domo?

Ni estas konstanta temo de la infanoj. Ni estas pli proksime al ili, ol kiuj parolas alian lingvon, sed ni ne estas *tute* tiaj, kiaj patro, patrino. Verŝajne dum nia longtempa svedlanda restado efektive ni perdis iom el nia mezeŭropa aplombo kaj vervo, kaj tion la infanoj rimarkas:

— Kie onklo lernis tiel bone hungare? Ĉu vi estis iam en Bükkzsérc? — demandas la eta Julio. Li havas jam kvin jarojn kaj tuj post sia alveno al Svedlando, en la sama vintromeza semajno li venis en la malsanulejon de tiu ĉi urbeto. La gepatroj loĝis ĉ. 15 kilometrojn de ĉi tie, kaj ili devis translasi la fileton al la prizorgo de la fremdaj kuracistoj, pri kiuj ili havis tute minimuman fidon. (Oni ĝenerale ne taksas alte alilingvulojn, kiuj estas rigardataj, en ĉiu parto de la mondo, kiel mensmalfortuloj. La eta Julio venis do en la malsanulejon. La rakontanto tiam ankoraŭ loĝis ĉ. 25 kilometrojn for de tiu ĉi loko. La telefono eksonoris kaj mi aŭdis la malesperan voĉon de flegistino:

— Mi petas vin, faru ion. Tiu ĉi hungara knabeto nur ploras kaj ploras kaj nenion manĝas. Ni ne povas teni lin en la lito. Li bezonas kuŝi. Kaj ni ne komprenas lin!

— Kion mi povas fari? Estas malfrua posttagmezo. Ne estas eble veni tien. Ĉu ne estus bone, se lia patrino venus al li?

— Ho, ne, ne. Tiam ni ne povus lin restigi plu ĉi tie. La patrino tute ne rajtas enveni!

— Nu, morgaŭ mi envenos.

## Patrujo mia...

K. Kalocsay

Patrujo mia, kiu en profundo
baraktas pri la hont' ne konsciante,
en kiun rondon vin aljuĝus Dante?
En nauan, certe, kie sur la fundo

la perfiduloj en glacia tundro
dentklake tremas, dum palpebrorande
la frostaj larmoj pendas hid-girlande,
verŝitaj pro la pento en abundo.

Perfidis vi paseon vian klaran;
gloron mil-okcent-kvardek-oka-jaran,
poeton vian, kiu iam gvidis

vin al batal' por popol-liberigo,
nepardoneble vin mem vi perfidis,
iĝinte via propra malamiko.

(1942)

## Soldatoj marŝas...

K. Kalocsay

Soldatoj marŝas kante tra la strato,
batali ili marŝas, tiacele,
ke la liber' pereu, ke kruele
plu tenu ilin en servuta stato

orgojla bankiero kaj magnato.
Jen ili marŝas stulte kaj fidele,
kaj dume luktas nun en mi duele
senpova furiozo kaj kompato.

Kun disduiĝinta koro mi deziras
la vivon al ĉi povraj, kiuj iras
perei sub la fremda trud' barbara,

kaj mi deziri devas, ve, horore,
malvenkon sangan al ĉi voj-erara
hungara greg' — *nessun maggior dolore* ...

(1944)

## Patrujo mia...

K. Kalocsay

Patrujo mia, kiu el profundo
elrampis, kaj konfuze, duonsvene
l'unuajn paŝojn provas senkatene,
de hont' kaj sango ruĝas via frunto ...

Sed, kiun al vi propaganda grunto
prezentis kiel peston, jen, serene
la malamiko venas helpoplene,
ke vi ekstari povu sur la grundo.

Ĝi ne almozon vantan al vi donas,
sed prenas vin je mano, kaj admonas:
„Kuraĝon, lernu marŝi kaj paŝegi!

Jen la liber'. Nun estu via volo
ĝin preni, gardi, uzi, kaj reveki
la fortojn, kiuj dormas en popolo."

(1945)

## Senrezerve

K. Kalocsay

Ho, kiel en la buba aĝ' mi flamis
por mia dolĉa patrolanda tero!
Rákóczi, Kossuth, Kvardekok, Libero!
Poemojn patriotajn mi deklamis.

Kiel malplene poste jam tamtamis
la vort': patrujo! Car popol-karcero
mi ĝin ekkonis, kie el mizero
tri milionoj da almozuloj klamis.

Ĉe kies son' popolon oni tretis,
La Himnon el la buŝo mi forjetis.
— Sed nun, ho kia sankta sensacio:

revivi bubmemorojn, kanti verve
la Himnon apud la Internacio,
kaj vin, patrujo, ami senrezerve!

(1947)

— Sed, ĉu vi ne povus paroli kun la knabo telefone? Se li aŭdos sian propran lingvon, li eble trankviliĝos.

Oni prenis la etan Julion el sia blanka kaj komforta lito, kiun li malamis kune kun ĉiuj afablaj onkloj kaj onklinoj, kiujn li ne komprenis. Li ploregis laŭte, li havis orelinflamon. Oni metis lian pli sanan orelon al io, kion li neniam vidis. Li ekbatalis kontraŭ la telefonaŭskultilo. Fine la perforto venkis. Oni premis liajn oreloĵn al la aparato. Kaj tiam venis la plej terura surprizo inter ĉiuj. Li aŭdis la voĉon, sed li vidis neniun. Kaj tiu voĉo parolis ion, el kio li kvazaŭ komprenis iom. Sed ne multe. Kaj aŭdinte tiun timigan ion, li komencis eĉ pli laŭte ploregi.

# Ĉapitro el „Amor Fati"

## Rakontoj el Bergen-Belsen

Herzberg

**La lasta vagonaro**

La okan de aprilo 1945 staris en la stacio de la urbeto Bergen-Belsen sur Lünenberger-Heide kvino aŭ seso da malplenaj vagonaroj po 50 vagonoj. La stacidomo konsistis nur el kelka nombro da kajoj, tri, aŭ kvar paralelaj kaj ankoraŭ kelkaj oblikvaj kontraŭ ili Stacidomo aŭ atendejo nenie vidiĝis. Ankaŭ ne estis ejo por aĉeto de biletoj aŭ barilo por kontrolo. Ĉi ĉio ne necesis. La stacio estis la ŝarĝ- kaj malŝarĝejo por la loĝantoj de la vasta kazerno en la proksimo kaj de la aroj da kampoj, kiuj estis alireblaj por neniu, krom la preferatoj mem laŭ ĉiaj flankaj vojoj, elirantaj de la cefvojo kaj baritaj per unu barilo post alia, unu pikdrataro post alia, ambaŭflanke ornamitaj per gardoturoj ĉiuspecaj. Tiuj preferatoj estis politikuloj, militkaptitoj kaj judoj. Neniu el ili sciis, kiom da homoj tie koncentriĝis. Povus esti centmiloj en diversaj grupoj kaj fakoj.

Se germano asertas al vi, ke li ne sciis pri la kampoj kaj la tie regantaj cirkonstancoj, ĉi tio ne ĉiam estas mensogo. Ne tial, ke per tio li senkulpigus sin. La demando estas, ĉu li povus scii tion, aŭ nepre ne povus esti senscia pri tio. Sed ĉiuokaze SS satis sekretigon. Eble ĉar sekretigo multe pli timigas ol publikigo. Lasi la popolon divenanta kaj supozanta, ke „ie-okazas-io-terura", povas esti por policoŝtato pli efika regmetodo, ol igi ĝin scianta. Ankaŭ povas esti, ke ankoraŭ io alia ludas rolon en tio. Konkerinte bongustaĵon, la kato trenas ĝin en angulon por kaŝe satigi sin. Preskaŭ tiel SS trenis sian kaptaĵon al kaŝita loko kaj „frandis" tie post fermita pordo.

La vagonaroj en la kvazaŭa stacio Bergen-Belsen konsistis parte el karbo-vagonoj. Kelkaj estis kovritaj per ia improvizita ŝirîĝinta tola tegmento. La plimulto estis sentegmenta. Kiam la rusoj en Polio ekpusis sin antaŭen, la germanoj transportis la kaptitojn en ĉi tiuj vagonoj dum tagoj kaj noktoj de oriento al okcidento, tutajn semajnojn en pluvo, neĝo, frosto kaj ventego, ofte sen manĝo kaj trinko

---

Tio estis tro multa al li. Nur la postan tagon, kiam mi persone vizitis lin, mi sukcesis iom lin trankviligi, eble nur subaĉeti per iom da dolĉaĵo kaj laŭ la principo: „Se ĉevalo mankas, sufiĉas eĉ azeno." Tiam li fine akceptis min, kiel gepatro-surogaton.

Nun pasis multaj monatoj kaj Julio interpaciĝis kun la svedoj kaj eĉ kun la sveda lingvo. Eble komence ankaŭ li kredis, ke oni volas lin forpeli, kiam oni kriis al li svede:

— Venu, hungaro.

Sed nun li jam scias, ke oni vokas lin por ludi.

Estas interese rimarki, ke ĝuste la laŭtigita tono, kiun oni uzas en interparolo kun surdmutuloj, fremduloj kaj idiotoj, ofte kaŭzas miskomprenon. Miskomprenoj, miskomprenoj! Ho lingva mizero! Estas klare, kion oni pensas, estante esperantisto, sed ĉi-loke kaj ĉi-foje reformo ne estas ebla. Pri tiuj lingvaj miskomprenoj kaj reglatigoj de ŝajnaj konfliktoj, mi povus multe paroli, sed por tio mi devas uzi alian okazon.

Sed ĉio, kion mi skribis ĉi tie, rememorigas al mi la svedan knabinon, kiu foje demandis min:

— Onklo, ĉu ne estas stranga sento esti fremdulo?

Ĉu ne prave? El la lingva vidpunkto de ambaŭ partoj estas strange esti fremdulo. En mia infanaĝo mi mem multe cerbumis pri tio, ke ankaŭ germano ja devas nomi en sia menso la tablon per la hungara „asztal", kaj nur poste traduki pro ia vere stranga kaprico je la vorto „Tisch". Mi ne povis kompreni, ke tiu objekto efektive povas havi alian veran nomon. Tiam ĝi ne plu estus tablo! Esti fremdulo vere estas stranga sento eĉ en afabla lando.

Ĉion la germanoj cedis, escepte sian kaptajon.

La vagonarojn dekstre kaj maldekstre de la unua kajo oni videble aspektigis luksaj; oni konsistigis ilin el malnoviĝintaj, eluzitaj vagonoj tria- kaj kvara-klasaj kaj malnovaj, fermitaj ŝarĝvagonoj. Kvankam la vitroj grandparte estis difektitaj, tamen ie kaj tie vidiĝis signoj de iam komencita riparado. La plankojn oni balais, la necesejoj estis puraj. Post kiam ni duonan tagon loĝis en ili, la tuto similis porkejon, ĉar tiuj vagonaroj estis por ni. La Satano, kiun ni konas el la rakonto de Ijob la tolerulo, iun tagon evidente ekenuis pri la tendaroj. Ĉar kiom ajn pligrandiĝas la mizero, fine ĝi ne plu impresas kaj eĉ iĝas monotona. La fantazio de la kruelo elĉerpiĝis, devis okazi io nova kaj tial Satano diris: „Ni metu la tutan aferon sur radojn kaj veturigu ĝin tra la mondo." En tiu momento sonis la voĉo de iu Scharführer: Antreten![1] Laŭ onidiro ĉirkaŭ sesdek kilometrojn okcidente de Bergen-Belsen sin trovas la angloj. IPA (Internacia Publikiga Agentejo) diris, ke Hannover jam falis. Sed IPA diris ankaŭ, ke tio ne veras.

IPA estis la onidiro. La onidiron kaptis la meko kaj ĝi image starigis Judan Gazetarservon, kompilante el la komencliteroj vorton, kiu tuj akiris ĝeneralan popularon en ĉiuj kampoj: IPA.

IPA ĉiutage havis la parolon. Ĝi kapablis altigi kaj ankaŭ malaltigi entuziasmon laŭplaĉe. Ĝi fieris pri sia fidindeco, ĝi mokridis pri sia mistifiko, ĝi debatis kun si mem. IPA konfirmis siajn asertojn, aŭ kontraŭparolis sin mem kaj kutime faris ambaŭ samtempe.

Lastatempe IPA estis tre parolema. Ĝi babilis al ĉiu, kiun ĝi renkontis kaj ĉiu serĉis ĝin. La streĉiĝo kreskis de tago al tago, fine de horo al horo. Neniu sciis, kio okazos, sed ĉiu sciis, ke la batalo jam finiĝis.

„La kuirejojn oni fermos. Bremen jam falis. Po tri ni ricevos duonan porcion da pano por tri tagoj. Oni sendos nin en arbaron kaj lasos nin al nia sorto. SS pakas siajn kofrojn. La arkivojn oni bruligos. La Ältersterat intertraktas." IPA publikigas kaskadon da babilaĵoj kaj ĝi havas liberan ludon, ĉar la gazetoj, kiuj antaŭe sufiĉe regule kon-

[1]) Enviciĝu!

## Porko

Felix Kotta

Kutimojn proprajn certe ĉiu homo havas —
ja ĉiuj tion scias de l'infana aĝ',
sed homoj,
kiujn nur kutimoj propraj ravas,
aliajn malaprobas, tiuj pravas
laŭ porka saĝ'.

Ekvidis foje porko, ke ansero
manĝajon prenis el troget' perbeke.
„Ĝi staras ne en trogo, sed ekstere",
sulkigis pork' nazegon malŝatege.
„Kulturo-mank'!
Azio!
Plumojn nun posedi,
dum ni haregojn
portas laŭ plej nova mod'!
Piedoj! ...
Dio!
tiajn vi aĉeti
en hufbutik' ne povus sem klopod'.
Jes, kion fari? Fuŝa edukado."
Ĝi turnis sin
en kot' post ĉi konstato.

(1946)

El la estona: *Hilda Dresen.*

---

trabande atingis la tendaron, jam ne venis. Satano diris: „ni ekveturos". La Scharführer kriis: Antreten! Antreten!

Kaj okazis tio, kion atendis la pesimistoj, kiel oni nomis tiujn, kiujn sciis, ke kato ludas per muso, sed ne liberigas ĝin. La tendaron oni evakuis. Tion la germanoj ne faras sen antaŭa permeso. Ili sugestis al ni interŝanĝan translokiĝon al Svisio. Se ili ne farus tion, ni ankoraŭ havus iom da espero. Sed po iom ni ekhavis sufiĉe da sperto, sciante, ke sugestoj pri savo signifas mencion pri pereo. Tamen neniu kredas pri pereo, sed konservas iluzion pri savo ĝis la fino de sia lasta momento. Kiam jam pasis tiu momento, li denove komencas, almenaŭ se li povas.

Kaj krome la okan de aprilo 1945 estis belega vetero. La malsanulojn oni transportos per ŝarĝaŭtoj al la stacio. La sanuloj devas marŝi. Sed la diferenco inter sana kaj malsana ne plu estis tre granda.

Ekestis interpuŝado, kiu pli kaj pli graviĝis. La evakuado okupis pli ol plenan tagon. La plej fortaj, impertinentaj akiris lokon. La malfortaj, hezitemaj tro malfruiĝis. Ili devis piede iri.

Manĝo ne estis, aŭ apenaŭ. Panon ni ne ricevis en la lastaj semajnoj, aŭ tiom malmulte, ke neniu plu memoris pri tio. Anstataŭe oni disdonis iom da nekuiritaj rapoj, jen kaj jen, tre malregule, alvenis gamelo da rapsupo, kelkfoje densigita per iom da faruno, kio nin ekstazigis.

La angloj nun asertas, ke la germana popolo baldaŭ ricevos malpli da kalorioj ol enhavis la porcioj de Bergen-Belsen. Povas esti: sur papero. Mi ankoraŭ ne renkontis germanon, manĝinta *neniom* dum ses sinsekvaj tagoj. En la Hüfflingenkamp[2] apud la nia, tio okazis ofte, preskaŭ regule. Ni fartis multe pli bone. La lastan tagon ni ricevis eĉ vintrajn karotojn. Kvankam ili jam putris, tamen estis ankaŭ manĝeblaj partoj. La putrajn ecojn ni eltranĉis kaj jetis trans la pikdrataron al aliaj kaptitoj petegantaj pri ili. Dume ni devis atenti la gardistojn. Car ili pafus kaj certe celtrafe.

Evakuado signifas batali, krii, pugnadi, disputi, puŝi, konkeri al si lokon. Por infanoj ĝi signifas plori kaj lamenti, por patrinoj kriaĉi, por malsanuloj tremi pro febro. Por ĉiuj: timi, esti pelataj kaj batataj.

Ni, kiuj devis marŝi, portis la pakaĵojn surdorse. Ni postlasis kiom eble plej multe, sed ĉiu havas ankoraŭ pantalonon, ĉemizon, paron da ŝtrumpoj, plej ofte hereditaj de mortinto el la tendaro, ankaŭ libron, kiun oni neniel deziras perdi. Cio estas en la tornistro. Krome oni antaŭe kolektadis kiom eble plej multe da rapoj kaj karotoj, komprenante, ke manĝo malabundos. Oni plej zorge vartas pladon aŭ kaseroleton, kruĉon, kuleron, tranĉilon. Kompreneble oni klopodas kunporti kiom eble plej multe da litkovriloj kaj kusenon. Cio terure pezas, kaj en la nuna situacio, en kiu oni troviĝas, apenaŭ estas portebla. Kaj tamen ĉio ĉi nomiĝas bevorzugt.[3] La aliajn kaptitojn ne ĝenas pakaĵoj. Ili posedas nenion.

Ankaŭ kelkaj el ni posedas nenion. Oni prirabis ilin.

Antaŭen! Kien? La tendaro evakuiĝas. La arkivojn oni po ĉarplenoj veturigas al la krematorio kiel fajronutron por cindrigi la kadavrojn.

La angloj jam proksimiĝas.

Ce la vojflanko, preter la limo de tendaro, post pikdrato jazmuzikas granda orkestro, konsistanta el Ka-Poj.[4] Estas dimanĉo. Ili aspektas sanaj kaj puraj en jus lavitaj, blustriaj kampkostumoj. Kaj ili ludas bonege. Ni haltas momenton por aŭskulti. Post finiĝo de la muzikaĵo ni aplaŭdas kiel en Pariza kabaredo. La orkestrestro riverencas afable, la tamburisto ridetas, la saksofonistoj forigas malsekaĵon el siaj instrumentoj. Tiam komenciĝas nova muzikaĵo kun sentimentala kantisto, posthurlanta nin.

Antaŭen! Mi perdas la tornistron. Ĝentila sinjoro en kaptitkostumo helpas min. Kia gracio! „Ĉu vi estas germano?" „Ne, ĉeĥo el Praha." „Agrable, el Amsterdam." Nomoj ne gravas. Ni jam neniam plu renkontos nek forgesos unu la alian. Antaŭen! La barilo leviĝas. Ni iras eksteren. Iu apud mi parolas pri la mortintoj hodiaŭaj, morgaŭaj kaj postmorgaŭaj, kiuj restis en la kampo. Inter ili estas bonaj, malnovaj amikoj. Sed ne eblas iujn momentojn enpense restadi ĉe ili. La bariloj leviĝas.

Jen kuŝas la vojo kaj la arbaro, birdo saltetas. Estas malfacile iri per ŝvelintaj piedoj kaj kun tornistro sur la dorso. Pli ol dek minutojn neniu eltenas tion. Tamen, la soldatoj, gardantaj nin, estas maljunaj, ŝrumpintaj viroj, al kiuj ĉio indiferentas. Ses kilometroj estas la distanco al la stacio. Tutan tagon ni havas por tiu distanco. Kaj ĉio tiom agrable adoras. Ni spiras kaj flaras.

Ni renkontas senfinajn procesiojn de kaptitoj, kiujn oni transportas al Bergen-Belsen el oriento. Kial? Tion komprenas nur tiu, kiu scias la signifon de Organisation. „Kiam la malamiko sintrudas en oriento, vi iru okcidenten." Tio estas Befehl.[5] „Kiam la malamiko sintrudas el okcidento, vi iru al oriento." Ankaŭ tio estas Befehl. Ke io tia

[2]) Tendaro de politikaj kaptitoj.
[3]) Favorata.

[4]) Kampopolico konsistanta el kaptitoj.
[5]) Ordono.

# Tallinnaj motivoj

Ralf Parve

I.

Lupol' engrimpi tra fenestro penas,
kaŝtanoj plenas de orbuŝa kant',
insektoj viajn librojn legi venas,
kolomboj ŝveras sub tegmentorand'.
Vidiĝas verdo muska sur tegmentoj,
elspiras malsekecon koridor'
fermiĝas pordo ĉiam kun ĝemplendo,
kaj el la kel' leviĝas ŝimodor'.

Hejmeca en ĉi dom' ja estas ĉio,
en ĝi ekfloris via poezio.

II.

En tiu ĉi mateno premis
la velke lacan koron peza sent'
al kanoriĉa bord' vi sola venis,
libere haroj flugis en la vent'.
Sed sammatene sonis en la stratoj
fiere la kantad' de l'proletar',
ektime flugis mergo de l'boato,
rompiĝis la silento apud mar'.

Kaj kiam rosoriĉe mortis tago,
sur masto flirtis ruĝa venkoflago.

III.

Kiam nokt' envolvas panoramon
de l' malnova urbo per arĝent',
renkontiĝas ni, ho mia amo,
ĉe l'malgaja Linda-monument',
La hejmurba parko-zon' saturas
la aeron per aromo-riĉ',
ĉarmon noktan respegulas
kvar okuloj plenaj de feliĉ'.

Somernokt' abundas je mistero,
kaj vi parto estas de ĉi belo.

IV.

Rigardas sur aleoj lace sun'
la velkajn arbfoliojn orkolorajn,
vin Kadriorg* allogas en aŭtun',
vi sola vagas la parkvojojn orajn.
L'okulojn kaj animon siluet'
de l'urbo apudmara ekkatenas,
foliojn kirlas vent' sur parkvojet',
je mara freŝ' kaj fiŝodor' ĝi plenas.

Dum paŝas vi sur foliar' orbruna,
eksentas kor': jen Tallinn en aŭtuno.

El la estona: *Hilda Dresen.*

* Kadriorg (Katarin-valo): parko fondita de Petro I. por sia edzino Katarina.

---

ie kruciĝas, pri tio neniu pensis. Ĉar se oni pensus pri tiaj aferoj, la tuta Organisation estus superflua. La transportoj sin salutas:

„Kien vi iras?“

„Tion ni ne scias.“

„Kie ni estas?“

„En Bergen-Belsen.“

„Kia estas la manĝo?“

„Bonega. Ĉiutage terpomoj kun gulaŝo.“

Ni klopodas doni al la aliaj ion, tro pezan por ni. La Scharführer tuj respondas tiun klopodon per forta bato de bastonego. Weg sie Sauhund![6] Nun mi almenaŭ scias, kial mi portas tornistron.

La kaptitoj havas siajn orkestrojn. Ĉiaj anoj portas meze en la trupo violonojn, violonĉelojn, tamburojn, timpanojn, trumpetojn, fagotojn, flutojn, kuprajn kornojn ktp. koncize: ciajn muzikilojn. Tiu trupo konsistas el Muselmannen, kadukiĝintaj estajoj, irantaj sian lastan vojon. Ili iras po kvin, pleje brak' en brako. Devante iri solaj, ili falas. Antaŭe en la trupo marŝas la plej fortaj, post ili sekvas la malpli, tiam la ankoraŭ malpli fortaj, poste la multe malpli fortaj kaj en la fino stumblas tiuj, kiuj apenaŭ povas iri. Jen kaj jen unu el ili gratas per siaj malgrasaj fingroj inter la ŝtonoj, esperante ie trovi greneron. Kaj post tiu trupo sekvas la kadavroj. Ili kompreneble kuŝas sur la pavimo. Kaj post la kadavroj sekvas nova transporto.

[6]) For, vi porkhundo!

Kiom da transportoj jam iradis tiel? Kiam ni ankoraŭ estis en la kampo, la homoj kelkfoje fluadis tagon post tago preter la pikdraton. En belega, serena somervespero pasis polaj virinoj, komence laboristinoj, poste virinoj kun sakoj surdorse, virinoj kun infanveturiloj kaj kun infanoj. Kelkaj grupoj bone vestitaj, aliaj ĉifonaj, kiaj ni. Ili ne parolas, nek ridas, nek krias ; ili ne plendas, nek singultas. Eĉ iliajn paŝojn oni ne povas aŭdi. En la mezo iras infaneto kun hundo ĉe ŝnuro. Niaj infanoj krias : „Jen hundeto!" De kie venas tia hundo en transporto de kaptitoj? Per kio ĝi vivas? Ĉu infano dividas sian lastan pecon da pano kun hundeto? Virino sensone falas teren. Silentaj kelkaj provas levi ŝin. Nur Scharführer grakas kiel korvo sur tombejo : Rasch, rasch, weiter ![7]

Kaj tiel estas hodiaŭ : Transporto post transporto. El unu el ili eksonas mia nomo. Malnova konato el antaŭa vivo. Ĉu nun ni estas mortaj ?

En la arbaroj bivakas germanaj civiluloj, kiuj estas ausgebombt.[8] Tie estas ankaŭ francaj militkaptitoj kaj rusoj, kiuj ŝajnigas sin laborantaj. Kaj ju pli ni proksimiĝas la stacion, des pli da Häftlinge[9] kuŝas sur la pavimo. Ili atingis sian lastan celon. La pakaĵo fariĝas tiom peza, ke ni devas forĵeti eĉ la rapojn, kunportitajn de ni. Ni atendu do . . .

Ĉi tiu vagonaro estas la lasta kun judoj aŭ kaptitoj de okcidento al oriento. Da ili veturas centoj. Kiam ni alvenas, ĝi jam estas plenplena. Ĝi enhavos entute 2400 homojn. El ili 2400 suferadas disenterion. Krome ni havas 700 malsanulojn : tifo, paratifo, kamptifo, meningito. Edemon ni ankoraŭ ne enkalkulis. Ĉie svarmas pedikoj. Ĉi ĉio kunkune veturadas tra la mondo.

La malsanuloj parte kuŝas en apartaj vagonoj, parte ie sur la planko. Por kuŝejoj sur koridorplanko oni batalas. Akvo mankas. Eĉ guteto da ĝi ne estas trovebla.

Laŭ onidiro tie tamen estas pano, butero kaj kolbasoj. Kelkaj mem vidis tion. La porciojn oni dividos la sekvantan tagon. Ili servos al nedifinita nombro da tagoj, kvankam normalaj porcioj estas por unu tago kaj duono. Tiam montriĝas, ke duonon de la kolbasoj jam ŝtelis SS en tuta sia majesto. Oni rekomendas al ni esti plej ŝparemaj, ĉar neniu scias la daŭron de la vojaĝo kaj *SS* diras, ke ĝi „ne prenas la respondecon". La signifon de tiu „devizo" mi ne konas, sed ĉial estas bone diri ion tian.

Jes, ni estos ŝparemaj. Ni juras tion al ni mem. Ni estos fortaj, vere fortaj kaj ne cedos antaŭ malsato. Kiam venas la porcioj longe atenditaj, ĉio manĝiĝas en du minutoj. Ne gravas. Apud la vagonaro estas aro da betoj kaj rapoj. Ni ŝtelas, kiom ni povas. Kelkajn tagojn ni eltenos.

Vespero falas, eknoktiĝas. La ĉielo iĝas nigra, poste subite arde flava, blanka kaj ruĝa. Fore ni aŭdas bombojn falantaj. Proksimiĝas la fronto. Sirenoj. Aviadiloj super ni. La vagonaro ne moviĝas kaj kvazaŭ rigidiĝas. Ĉu nun ni liberiĝos ?

Poste ree nigriĝas la ĉielo kaj ĉio eksilentas. Ni ekdormos. Ĝis nun ni havis liton. Satano diris : „Ni veturos sen litoj." Ni do devos dormi sidante.

Homo ne povas sidante dormi. Li povas iom dormeti. Eĉ lokon por nin apogi ni ne havas. Ni sidas kunpremitaj, brak' al brako, genu' al genuo. Sur la planko apud mi kuŝas malsana virino. La koridoro inter benkoj plenas de homoj, dormantaj, malsanaj, mortantaj. Kiu devas eliri, tretas brakojn, krurojn aŭ kapojn.

Tagiĝas. Alvenas transportoj de kaptitoj. Same kiel hieraŭ kaj antaŭhieraŭ. Dekkvin politikajn malliberulojn sin kaŝintajn ĉe ni, oni kaptas. Iu perfidis ilin. Kial ? Eble li estis tro dorminklina. Nun tiujn dekkvin oni mortpafos. Ĉu ni liberiĝos?

Ree vespero falas, ree noktiĝas. Ĉio ripetiĝas, la fantazie ardanta ĉielo sekvata de la nigra nokto. Ree ni sidante dormos. Jen subita ektiro. Ni veturas. Ni ne liberiĝas.

Antaŭen ! Kien ? IPA diras, ke oni transportos nin al la orienta fronto, kie la germanoj iĝos la rusojn dispafi la vagonaron. Estas neverŝajne. Tiajn aferojn ili mem faras, sed ne cedas al aliaj. IPA diras, ke oni metos la vagonaron sur ponton eksplodontan. IPA diras, ke ni iros al Theresienstadt kaj de tie

[7]) Rapide, rapide, plu !
[8]) Elbombitaj.
[9]) Kaptitaj.

al Svisio. IPA diras, ke ni iros al Lübeck kaj de tie al Svedio.

Dekkvar tagojn ankoraŭ babilas IPA. Dekkvar tagojn Satano igis veturi la lastan vagonaron tra Germanio, ĉiufoje kelkajn kilometrojn post la ĉiam proksimiĝanta kaj ĉiam evitata fronto. Vagonaron, plenan de ploraĉanta malespero preter detruitajn urbojn kaj vilaĝojn, preter ruinojn de Berlino, sur kies muroj legiĝas: Berlin kämpft, arbeitet und steht.[10] preter kamuflitajn bateriojn, kie la sekvontan tagon estos la fronto. Dumtage ni plej ofte haltas en arbaro, aŭ ĉe digo serĉante kiom eble plej da ŝirmo kontraŭ aviadiloj, kiuj tamen ĉiufoje denove nin trovis kaj celis siajn maŝinpafilojn al nia vagonaro, supozante ĝin municia vagonaro. Ĉiuj blankaj ĉemizoj, kalsonoj kaj tukoj, kiujn ni flirtigis eksteren, konvinkis nek la amerikanojn, nek la rusojn, ke ni estas senkulpaj civiluloj. Kelkaj vundiĝis kaj mortis. Ĉe ĉiu atako la sanuloj panike fuĝis en la arbaron kaj la malsanuloj atendis sian sorton.

La nutrajo jam tute forkonsumiĝis post la dua tago. Kelkfoje la gvidistaro aranĝis monkolektadon por povi aĉeti iom da terpomoj ĉe kamparanoj. Preskaŭ ĉiuj, kvankam kontrabande, havis ankoraŭ iom da mono.

Almozado estas profesio. Unue, oni bezonas por tio sanajn krurojn kaj piedojn. Ĉar post kiam ili ŝvelis kaj inflamis, oni ne povas tre malproksimen iri. Kaj pro la sida dormado, la ĉiam kreskanta laciĝo, la kruroj ade pli ŝvelis, la tibikarnoj ekspasmis, la genuartikoj rigidiĝis. Due, almozado estas afero de prizorgado de la eksterajo. Oni ne aspektu tro mizeraĉa kaj precipe razu sin. Nerazita almozisto nome havas malpli da kredito ol parazita bankiero. Sed kiel oni razu sin en vagonaro, kia la nia? Kaj krome almozisto nepre scipovu ĝuste rilati al sia klientaro. Almozado estas, ne malpli ol alia metio: afero de talento. Ĝi ankaŭ allogas. Image mi vidas ĉambron en bieno. Sur la dekstra muro pendas portreto de Hitler, kaj maldekstre pendas krucifikso. Tie mi staras kun stelo juda sur la brusto, inter kruco kaj hokokruco kaj petegas pri peco da pano. Kiu ne dezirus travivi tian sperton en sia vivo! La kamparanino kontraŭ mi havas blankan tukon sur la kapo. Panon ŝi ne havas, sed ŝi havas iom da lakto kaj eĉ ovon. Eble unu el ni ambaŭ naskiĝis por ĉi tiu momento. La tagoj, kiujn ni vagis tra Germanio — malgraŭ ĉio — estis agrablaj. La arbaroj odoris, la tero estis mola pro musko, floroj floris kaj la ĉielo

## Rememoroj pri la patro

**Juhan Schmul**

I.

Aŭtuna tago. Nubojn ŝiris vent',
obtuze sonis krioj de l'mevaro.
Kun nazo kontraŭ vitro, en silent'
mi patron atendadis de la maro.

Mi timis. Sciis mia koro juna,
ke mar' ne kontentiĝas sen tribut'.
Subite jen, sur kota voj' aŭtuna
kun sak' surdorsa venas li en mut'.

Moment'! kaj jam en la malvarma koto
ekstere kuras mi kun ĝojo-kri'.
Mi sciis, paĉjo amas min dorlote.
Malsekaj enĉambriĝis ambaŭ ni.

II.

Memoras mi — li foje ne revenis
Ventego. Ondoj bruis en proksim'.
Manĝaĵo preta, sed ni ne manĝemis.
Mordadis zorgo prema en anim'.

Kvar longaj tagoj... Plena malespero.
Patrin' surborde eĉ dum nokta hor'...
Eĉ dorm' infana iĝis efemera.
La ondoj muĝis, sonis venta plor'...

Jam frumatene mi surborde staris. —
Zorgplena hirtharara malgrasul'.
Al ŝton' premita vango morte palis,
min regis jen espero, jen terur'...

Li tamen venis je vesper' malfrue,
ekstreme laca, morna pro dormem'.
Lin gutoj salaj eĉ dum sonĝo ĝua
ankoraŭ kovris. Muĝis vent' kun ĝem'..

Leviĝis tiun nokton mi plurfoje,
ŝteliris nudpieda, en trankvil'
al lia lit', — ĝis vivpromese, ĝoje
en ĉambron falis la aurora bril'.

(1944)

El la estona: *Hilda Dresen.*

[10]) Berlin batalas, laboras kaj staras.

bluis. Super ni kaj apud ni estis milito, aŭ ne, estis printempo, kaj — malsana aŭ ne, libera aŭ mallibera — tie almenaŭ ne estis pikdrato. Per pladeto ni ĉerpis akvon el rivereto aŭ el pumpilo iom pli fore; ni konstruis forneton, bruligis ŝtipareton kaj kuiris manĝon. Jen rapon, jen beton, kelkfoje iom da terpomoj, kaj kiam ni nenion povis trovi, la terpomŝelojn, forĵetitajn ĉe la vojo de laboristo aŭ soldato. Jam pro tio ĝi suficis, ĉar ĝi estis multe pli bona, ol la manĝaĉo en la tendaro. Ĉiu momento povus alporti la finon, la momento, kiu restis, almenaŭ ne estis en Bergen-Belsen. Neniu malhelpis nin ekkuŝi sur la muskon kaj imagi, ke ni ferias.

La noktoj, kiujn ni vagis tra Germanio, estis tiom pli teruraj. La malsato estas ĝena; la dormbezono frenezigas la homon. Tuj, kiam la vespero falas, ĉio ŝajnas sorĉita. Dormeti kaj duonkonsciiĝi ne estas dormi, sed suferas por fantaziaj inkuboj. Iu songas pri vasta ĉambro kaj agrabla fotelo, en kiu li sidas, kaj li ekstaras por iom streĉi al si la krurojn kaj ire-reire iom sin movi. Tamen kontraŭ li dormetas franca sinjorino kun sia filino kaj kompreneble li tretas ŝiajn piedojn. Ŝi blasfemas france kaj li ne komprenas ŝin, tamen reblasfemas en pura nederlanda lingvo kaj ŝi ne komprenas lin, sed ambaŭ komprenas tiom pli bone, kion ili aludas. Poste ŝi donas al li piedfrapon, li puŝas ŝin kaj ŝi batas, li batas kaj kiam grumble kaj murmure finiĝas la manbatalo, ili dormetas plue. Matene li demandas: „Ĉu bone vi dormis?" Kaj ŝi respondas: „Dankon, sufiĉe." Kaj ili interŝanĝas kelkajn komplimentojn kaj demandas, per kio ili sin povas helpi. Ĉar ili ja estas kulturhomoj, antaŭ kelkaj horoj aplaŭdintaj en pariza kabaredo.

Ĉiunokte oni interbatalas. Pro halucino. Ĉar iu deziras havi liton, nepre liton. Kvazaŭ ni ne veturus en haladza vagonaro, kvazaŭ tie estus lito. Li nepre kaj forte deziras liton. Ĉe ĉiu paŝo, kiun li faras, li tretas alian, kiu ekfuriozas kaj tuj ekbatas.

Oni mortas. Ni apenaŭ scias, kiu aŭ kie. Oni mortas pro malsanoj, elĉerpiĝo kaj pro troa komuneco. Ĉar kvankam la homo estas komunulo, tamen komune dormi kontraŭas lian naturon. Li bezonas ĉambron, almenaŭ tendon aŭ kavernon, en kiu li povas esti sola. Li kaj lia edzino.

Ĉe taglumo ni vidas la mortintojn, kuŝantajn sur la trairejoj inter la vagonoj, mezo de aĉaĵoj kaj kaserolaĉoj da manĝo, starantaj sur libera fajro. Kiam la vagonaro haltas, oni enterigas ilin flanke de la fervojo. La enterigintoj ricevas ekstran manĝon. Dum aviadilalarmo kaj kiam la vagonaro tuj forveturos, la mortintojn oni ne enterigas. Nur viro kaj virino entombigas infanon. La Scharführer diras: Die Scheisskerle kennen keine Disziplin.[11]

Apud ni, ĉe la grekoj, mortas dujara infano. Krupo. Daŭras longe. Oni flustras. Post kiam ĝi finiĝis, eksonas sovaĝa hurlado. Ĝi eĉ jam ne estas korŝira. Ne plu eblas, ke homo kompatu alian homon. Li ja estas nur laca. Li estas dorminklina.

Antaŭen! Kien? Ĉu finfine aperos la angloj? Kie ili estas? La kamparanoj diras, ke la rusoj estas en dekkvin-kilometra distanco kaj almarŝas. Kial ni do ne atendas?

*SS* ne atendas. Ĝi ne povas atendi. Ĝi ne lasas nin. Ĝi estas sklavo de si mem. Ĉu ne estas sensencaĵo veturigi dise tra la lando vagonaron, kiu estas ne pli ol ruliĝanta sterkejo, hospitalo da infektoj kun akuta danĝero al la popolsano — kaj kia danĝero! — spite ĉiujn penojn kaj oferojn, kiujn kostas io tia.

Komenciĝis la granda tragedio, la tragedio de vundita heroo pereonta, sed kiu en sia pereo kuntrenas sian malamikon. Ĉio perdiĝis, tamen la gorĝo de la kontraŭulo restas premita. Belege, ĉu ne? Brave belege! Sieg Heil! Sieg Heil! Neniam la mondo aŭdis pli akran mortkrion. Ĉar ĉi tio ja signifas nenion alian, krom: „Vivu la morto!"

Al kelkaj Scharführer, kiuj vidas la koloson ŝanceliĝanta, ektremas la genuoj; li ektimas kaj provas bonigi ion. Sed la vera ekstaziĝas, rigardante la malĝojiĝe faletantan, tragikan heroon. Li adoros ĝin ankoraŭ dum jarcentoj.

Morgaŭ aŭ postmorgaŭ la patrio jam pereos, tamen hodiaŭ li ankoraŭ batas ambaŭmane al nia vagonestro la vizaĝon dekstre kaj maldekstre, ĉar la viro eraris raportante nian nombron.

[11]) La fekbuboj ne scias disciplinon.

# VENTO ANTAŬ PRINTEMPO

**Sigeharu Nakano**

Inter la homoj, kiuj arestiĝis la 15-an de marto, miksiĝis suĉinfano.

Ĉirkaŭ la oka kaj duono matene ĝi transpaŝis kloaktabulon antaŭ la domo kune kun siaj gepatroj eskortite de ses uniformaj kaj du civilvestitaj policanoj. La kloaktabulo, kiu obtuze bruis en sombro, nun plene frostiĝis kaj knaris malĝoje.

La kompanio el dekunu homoj iris sur tramvojo. Neniu diris eĉ unu vorton. Estis nuba tago kaj sub iliaj piedoj rompiĝis frostaĵoj. La infano sufiĉe malvarmiĝis dum la domtraserĉo, kiu daŭris de la kvina ĝis la oka kaj duono: ĝi eĉ ne ĝemploris ĉe la sino de la patrino. Enirante en la pordegon de la policejo la gepatroj rigardis malantaŭen, kiam ili ekvidis kun kortuŝo velkintan floron de leontodo sur la digo de la akvoprovizejo.

Kiam ili eniris la policejon, oni forkondukis ien la patron. La infanon oni metis kun ĝia patrino en apartan ĉelon por protektatoj.

Tie jam troviĝis du prostituitinoj.

La pliaĝa el ili, kies propra infano mortis antaŭ nelonge, nepre volis karesi la infanon.

Oni liberigis la prostituitinojn iom antaŭ la tagmezo. Ili tuŝetis la infanon sur la vango, diris kelkajn bondezirajn vortojn kaj eliris salutante la patrinon: „Gardu vin kaj la etulon!"

Post la tagmezo dekkvin-dekses kamaradoj nove arestitaj envenis, el kiuj du estis virinoj kaj trafis en la ĉelon por protektatoj.

---

Kiom gravas al ili la nombro? Ili tamen ne donas al ni manĝon aŭ trinkon. Se ni ne havus propran gvidantaron zorgantan pri ni, ni jam antaŭ longe mortus. Kaj nun subite aperas meze en la dezerto porcio da pano, da saŭrkraŭto, acida kukumo kaj eĉ okazis lotado de 900 ovoj. Ĉu ĉi ĉio kreskas sur la arboj?

Ĉiufoje ni ekscias, ke ni povas nek plu-, nek reiri. Ĉiufoje ni kredas ĝin kaj ĉiufoje ni tamen pluiras.

Iufoje la streĉiĝo en la vagonaro serĉas malsargon kaj iu ekkantas. Alia transprenas la kanton kaj ĝi ruliĝas de vagono al vagono kaj ŝajnas, kvazaŭ la vagonaro brulus pro ĝojo. Tiam la homoj opinias, ke ĉio jam finiĝis kaj ke nun okazos io. Ekestos granda eksplodo, bum! kaj tiam . . .

Nenio okazas. Fariĝas banala tago. Iom ekpluvetas. Nun malsekiĝos la branĉetoj kaj ni eĉ ne povos bruligi fajron. Tiam alvenas infaneca lokomotiveto, kiu ĝeme plutrenas nin. Ankaŭ la lokomotiveto elĉerpiĝis. Ni atendas.

La pejzaĝo estas sufiĉe teda. Maldekstre maldensa vico da arboj, dekstre iom da arbetoj. Vesperiĝas, nebule, malvarmete kaj malseke. Ni iras serĉi iom da nutro en la vilaĝo situanta iom pli malproksime kaj ni revenas kun almozpeta manĝo. Jam estas mallume kaj ankoraŭ nenio okazis. Ni ankaŭ ne aŭdas ion. Eĉ ne tremetas arbfolio. Ĉi nokte ĝi certe okazos. Tondros, fulmos. La vagonaron oni pafos, ni estos en la fajrolinio, soldatoj subite saltos al ni, ni ĉirkaŭbrakos unu la alian . . .

Tre malgrasa luno kviete subiras kaj ni atendas. Tre fore krakas fusilpafo. Tio estas ĉio. Teda nokto limakrapide pasas kaj tre humile, pale tagiĝas. Ni eliras el la vagono por spiri pulmoplenon da freŝa aero.

Sur la vojo staras viro kun flava vizaĝo kaj flavaj lipharoj. Li surhavas flavan, lanan manikveŝton kaj felĉapon kun orelŝirmiloj, kvankam jam delonge estas somera vetero. Li portas malpuran flavan pantalonon kaj brunajn botojn, kaj en la mano li havas fusilon. Li ridaĉas. Mi pensas: kie do mi jam antaŭe vidis lin? Li atendas la manon kaj diras: Tovariŝĉi.

Iu krias kaj ŝajnas, ke oni ŝiras la vorton el lia gorĝo: Tovariŝĉi! Ĝi ondis, ondadis super la kampo.

Tovariŝĉi signifas: kamaradoj.

El la nederlanda:

*P. Schwartz* kaj *N. J. Nieuwenhuizen.*

La virinoj tuj komencis konsiliĝi pri la infano inter si. Ili parolis flustre, sed ĉar la gardista ĉambro troviĝis ĝuste antaŭ la celo, oni tuj ordonis al ili: „Ne babilu!"

La infano timigite ekploris kaj ne ĉesis plori, malgraŭ ĉiaj admonoj.

„Kio estas al mia „infano?"

La patrino maltrankviliĝis pri la sano de la infano kaj ekmalĝojis.

Fine tamen ŝi decidis: Ĝi ploru!)

La virinoj prosperis paroli inter si nur ŝirmate de la plorado de la infano.

Sed baldaŭ oni vokis la patrinon por esploro.

La infano ankoraŭ ploradis. Aŭdante tion la patrino sentis sian nazpinton ŝviti, kvankam la arestejo estis sufiĉe malvarma.

(Sed ili ne povos daŭrigi la konsiliĝon, kiam mi forportos la infanon...)

Ŝi decidis lasi la infanon post si.

Gardisto, kiu akompanis ŝin, demandis: „Ĉu vi ne kunportos vian infanon?"

La patrino momente okulfiksis la vizaĝon de la gardisto, sed silente eliris.

Apenaŭ ŝi eliris, envenis la patro. Ekaŭdinte la ploradon de la infano li enrigardis al la vizaĝo de la ploranta infano tra la kradoj de la ĉelo, kapsalutis la du kamaradinojn tie kaj eniris en sian ĉelon apud la necesejo.

Forpasis posttagmezo en la arestejo malgaja kaj enuiga. Nur unufoje, kiam gardisto mokseeis la virinojn en la ĉelo por protektatoj per terure obscenaj vortoj, iu el alia ĉelo perdis paciencon kaj ekkriis: „Ĉesu, malsaĝulo!"

Kiam vesperiĝis, la patrino revenis. La du virinoj demandis al ŝi: „Kiel?"

La patrino malfermis la bruston kaj donante la mamon al la infano diris: „Nu, jen via amata lakto."

Subite ŝi paliĝis.

Ŝi trovis, ke ne venas lakto.

Samtempe ŝi rimarkis, ke la infano aspektas strange.

Ĝi ja estis malbonhumora, sed tamen ĝi ne ploris. Kiam la patrino donis al ĝi sucilon, la infano tuj elkraĉis ĝin. La patrino skuis la malgrandan korpon de la infano kaj alvokis: „Tomo-tyan! Tomo-tyan!"[1]

[1] Tomonjo! Tomonjo!

La infano tamen ne ploris. La patrino palpis ĝian frunton kaj trovis ĝin iom febra.

Ŝi volis peti la gardiston voki kuraciston. „Ĉu vi ne bonvolos voki kuraciston?"

„Kuraciston? Por kio?

„Mia infano malsanas."

La gardisto eliris grumblante. Sufiĉe longa tempo forpasis, sed li ne revenis.

Dume la infano komencis rapide spiri. La patrino sin turnis al alia gardisto: „Estu bona iri por vidi, kio fariĝis al la kuracisto, mi petas."

La gardisto ne volis aŭskulti.

„Ne zorgu."

Kiam 40—50 minutoj forpasis, la gardisto fine revenis.

„La polica kuracisto jam iris hejmen."

La patrino ne sciis, ĉu la polica kuracisto deĵoras en la policejo.

„Ĉu vi do ne povis venigi alian kuraciston?"

„Eble mi povos, sed ĉu vi havas monon?"

„Monon mi ne havas."

„Domaĝe. Vi ja devas pagi kuraciston eksteran."

Tiam iu el la karcero deklaris: „Monon mi havas!"

La gardisto iris ĝis la karcero kaj diris: „Tio ne helpas. Oni malpermesas ĉi tie ĉian monpruntadon."

„Permesas aŭ malpermesas, ne gravas nun. La infano ja malsanas."

„Ne turmentu min tiel, ĉar tio ne plibonigos la aferon."

„Ne turmentu min?... fi!"

La viro en la karcero langoklakis tiel forte, kvazaŭ la lango formordiĝus: „Kion vi farus se la infano mortos?"

Tiam el la najbara karcero la patro alvokis: „Hej... sinjoro gardisto..."

Kaj la patrino ekkriis: „Voku kuraciston! Voku kuraciston!"

Nun la tuta arestejo streĉe aŭskultis. La gardisto enrigardis la ĉelon por protektatoj. Ĉe la buŝo de la infano vidiĝis ŝaŭmo.

La gardisto konfuziĝis. Li ion flustris al sia kolego kaj rapide eliris. Tuj venis kuracisto. La patrino kaj la virinoj demandis pri la stato de la infano, sed la kuracisto respondis nur, ke la sango suprenfluis al la kapo, kaj li kaŝis sin en la gardista ĉambro. Tiam malfermiĝis la aresteja pordo kaj en

venis neatendite la policestro mem. Estis jam post la unua nokte. La policestro kaj la kuracisto sidis unu kontraŭ la alia kaj kliniĝinte flustre parolis inter si. Tio daŭris sufiĉe longe — ŝajnis al la patrino. Fine ambaŭ stariĝis de la seĝoj. La patrino aŭdis ilin paroli leviĝante:

„Ĉu nenia espero?"

„Necesa tuja liberigo..."

La patrino sentis, kvazaŭ granda akvomuelilo turniĝus en ŝia kapo. Poste ŝi sentis, ke ŝiaj membroj paraliziĝas kaj la brustkaveto kaviĝas. La gardisto ion diris al ŝi, sed ŝi ne aŭdis ĝin. Ŝi pensis nur, ke ŝi devas teni sin firme. Rikŝo venis kaj la patrino kun la infano ascendis ĝin kaj malrapide veturis la saman vojon, kiun ŝi iris hieraŭ matene, kio tamen ŝajnis al ŝi okazinta nur hodiaŭ matene. La patro, la ses uniformaj kaj du civilvestitaj policanoj, kiel antaŭe, sekvis ilin.

La rikŝo haltis unufoje en la vojo por voki kuraciston.

Ne longe post ilia alveno hejmen, la kuracisto venis.

Jam tagiĝis.

Oni aĉetis glacion kaj malvarmigis la kapon kaj bruston de la infano kaj ce la piedoj oni metis varmigan poton.

La gepatroj sidis ĉe la kapo de la infano, observis, kiel la kuracisto pikas la malgrandan bruston per injektilaj pingloj kaj mense kalkulis la nombron.

La kuracisto observis, dum ĉirkaŭ tridek minutoj, kiel la infano statas.

Ĝi nenion ĝemploris kun okuloj fermitaj.

La kuracisto diagnozis la malsanon dispepsio.

Ĉirkaŭ la naŭa la kuracisto foriris doninte rimarkigojn pri flegado.. La patrino iris al la kuracisto por ricevi medikamenton.

Ĉirkaŭ la deka la polico vokis al si la patron, kiu tamen revenis tuj.

Ĉirkaŭ la dekunua la infano denove malfermis la okulojn. Ĝi movetis la buŝon kaj jen elvomis medikamenton. Ĝi kurbigadis la lipojn penante elpuŝi la restajon per sia langeto.

De tiam la korpo de la infano komencis malvarmiĝi. La varmiga poto jam ne helpis.

## Kanto de kamparanoj

Tao Singzh

Arbŝeloj al ni servas kiel vesto
Kaj herbradikoj anstatauas panon,
Surdorse ni portadas nevenditan infanon,
Kriantan „paĉjo" nur pro turmenta misdigesto.

Kondukas bovon ni lau kota aleo
Alies kampon plugi somnambule,
La korpon nudan kisas, ho ve, la suno brule,
Kaj ege ni suferas kiel en bola oleo.

Kiel ajn alta estas la procento
De la impostoj, tion ni toleras,
Alie tuj „bandito" vin oni konsideras,
Al kiu apelacii ni povas per la plendo?

Ni ĉie nur akridojn homajn trovas,
Ho, ĉie ilin trovas!
Sen kamparanoj, kiu el homaro vivi povas?

El la ĉina: *Honfan.*

---

Nenio ja povis malhelpi, ke ĝia korpo iom post iom kaj pli kaj pli malvarmiĝu.

Oni denove vokis la kuraciston.

Oni konsiliĝis laŭ la opinio de la kuracisto, kaj la patrino iris sendi telegramon al la edziniĝinta plijuna fratino de la patro. Ili ne emis, sed ili ne havis alian parencon por informi krom ŝi.

„Venu tuj, grava afero."

Apenaŭ ŝi revenis el la poŝtoficejo kaj trapasis la sojlon, la patro diris al ŝi: „Ĉio estas po dita!" kaj aldonis por konsoli ŝin: „Sed ĝi ne suferis."

La patrino palpis la infanon kaj trovis ĝin ankoraŭ varma. La patrino rememoris la vortojn de la polica kuracisto, ke la sango suprenfluis al la kapo, en kontrasto al la vorto „dispepsio", kiun la alia kuracisto diris al ŝi. Sed si ne sentis koleron. Kion la patrino nun pensis, estis, kiel gardi sian infanon, kiu jus transpasis de la vivo en la morton, kontraŭ la ŝtata leĝo.

Post la tagmanĝo la patro turnis sin al policano kun peto, ke oni lasu ilin esti fotitaj kune kun la mortinta infano.

„Ne eblas, ne eblas" respondis la policano.

„Ne eblas? Do, ĉu vi malpermesas al ni eĉ esti fotitaj?"

„Ni ne malpermesas, sed ankaŭ ne povas permesi."

Tiam denove revenis sendito el la policejo. Nun la patro sin turnis al li:

„Mi ripetos, kion mi jus diris al tiu ĉi sinjoro: „Ĉu ni ne povas esti fotitaj?"

Tiu ĉi donis ekzakte la saman respondon: „Ni ne malpermesas, sed ankaŭ ne povas permesi."

„Ĉu laŭ la ordono de la superuloj?" kaj la patro ekridis: hu, hu, kvazaŭ malsaniĝinta.

La sendito nun transiris al la afero, pro kiu li venis.

„Venu por momento pro funebra afero..."

La patro foriris akompanate de li.

Post iom da tempo oni venigis ankaŭ la patrinon.

(Kiom da fojoj mi iradas inter la hejmo kaj la policejo!)

La patrino mem eĉ ne sciis, ĉu ŝi estas laca aŭ ne.

En la policejo oni kunvenigis la gepatrojn por konsiliĝi pri la enterigo. Post ripeta intertraktado oni permesis al ili pruntepreni necesan sumon de la viro en la karcero.

Ili poste havigis al si mortateston, enterigpermeson kaj ĉiujn aliajn necesajn dokumentojn.

Kiam ĉio estis preta kaj la gepatroj komencis paroli pri la lupago por la loĝejo, la akompananto intervenis: „Bonvolu paroli nenian alian aferon..."

Ili rigardis la vizaĝon unu de la alia.

„Nun vi iru hejmen. Kaj s-ro Murata jam ne povas eliri." Kaj li apenaŭ ne irigis la patron perforte.

La patrino vidis la patron malaperi malantaŭ la pordo. Ŝi ekhavis la impreson, ke li nun malaperas de ŝi por ĉiam.

La patrino rememoris ĉiujn klopodojn, kiujn ŝi faris dum la lastaj du tagoj por fuĝigi lin. Por tio ŝi ne malŝatis eĉ nesufiĉe flegadi la infanon. Nun ĉio estas perdita.

En la koro de la patrino nun revekiĝis per unu fojo amo al sia infano kaj ĝia patro. Ŝi ne volis, ke oni rimarku tion kaj iris hejmen silenta.

Ŝi komisiis ĉion, rilatantan al funebra ceremonio, al la bofratino, kiu dume alvenis laŭ la telegramo, kaj al la enterigisto.

Oni sternis pajlomaton en malgrandan keston, kuŝigis la malvivan infanon sur ĝin — ĝia kapo estis tre peza — kaj kun ĝi enmetis rozarion, kareksan ĉapelon, irbastonon, paron da pajlosandaloj, tabi'on[2] kaj suĉilon.

La patrino viŝadis la infanon ĉirkaŭ la buŝo[3] ankoraŭ longe post kiam oni enĉerkigis ĝin. Nigra fluidaĵo kiel salivo ne ĉesis elfluadi. Ĝi estis netolereble malbonodora. La kuracisto diris, ke ĝi venas de stomaka hemoragio. Forviŝante ĝin, la patrino eksentis grandan malfortiĝon kaj ofte havis svensenton.

En la vespero venis bonzo.

La patrino iris al la policano, kiu ankoraŭ restis en la domo kaj diris:

„Ni intencas maldormi tiun ĉi nokton por la infano. Ni ne volas, ke vi restu tie ĉi. Ĉu vi ne bonvolos foriri?"

Kiam ŝi diris tion, larmoj ekfalis de ŝiaj okuloj.

„Jes, sinjorino."

Tiel la figuro de policano unuafoje malaperis el la domo.

Sekvis psalmado. Poste oni konsiliĝis, kiel fari memorigan nomtabuleton por la mortinto.

La gepatroj ne havis ian religian kredon dum la vivo de la infano.

Dum la konsiliĝo tamen evidentiĝis, ke la familio de la patro apartenas al sekto Sodô kaj tiu de la patrino al sekto Zyodo-Sinsyû kaj oni decidis doni al la infano postmortan nomon, kiu kvankam ne tute konformas, sed ankaŭ ne ofendus ambaŭ sektojn: Syaku ***-dozyo.[4]

La patrino kuŝis apud la malgranda ĉerko kaj dormis ĝis tagiĝo.

Ĉirkaŭ la naŭa matene, la 18-an, la infano, la patrino kaj sia bofratino rapide veturis al la krematorio en taksio, kiu kostas po 1 jeno por tri mejloj.

Estis tre malvarma tago kaj vento blovis.

En la oficejo de la krematorio oni klarigis al ili la necesajn procedojn kaj ili aĉetis

[2] Laŭ buddhisma kredo, kiu profunde enradikiĝis en japanan vivon, mortinto nur vojaĝas en alian mondon. Tial tiu ĉi vojaĝekipaĵo. — La trad.

[3] Tabi estas japana ŝtrumpeto. — La trad.

[4] Infanino ***, disĉiplo de Budho. — La trad.

urnon, kartonan skatolon, blankan kalikotan tukon.

La ĉerko jam forlasis la patrinon kaj nun troviĝis plene en la mekanismo de la krematorio.

La cindrigon oni komencis nur ĉe vesperiĝo.

Cirkaŭ la sepa ili levis la ostojn.

La 15a, 16a, 17a kaj 18a.

La okan monaton post sia naskiĝo tiu ĉi infano — ero kun ĉio en si — estis bruligita en kvargrada forno kaj leviĝis al la ĉielo en fumo.

Pasis aliaj kvar tagoj, dum kiuj la patrino devis elteni minacojn de la polico, la domintendanto kaj perfortista bando en la malplena domo, kies sola mastro ŝi nun restis. (Preskaŭ ĉio en la domo estis konfiskita krom manĝilaro kaj aliaj necesaj iloj kaj mebloj.)

En la kvara tago ŝi aŭdis, ke oni forkondukis la patron al la malliberejo el la polica arestejo.

Ŝi nun pakis kaj jetis sin en batalojn.

Kamaradoj proponis okazigi por ŝia malfeliĉa infano memorigan feston kaj fiksis la daton. Sed en la antaŭa tago oni anticipe arestis la aranĝantojn kaj en la tago de la festo — ĉiujn kunvenintojn.

La 10an de aprilo la registaro unuafoje permesis la publikigon de informoj pri la Afero.

Onidiroj, ĉu bonaj, ĉu malbonaj, pri Japana Komunista Partio disvastiĝis kiel epidemio.

La familianoj de la arestitaj komunistoj kunvenis iun tagon.

La policanoj supernombris la kunvenintojn.

La kunveno progresis kun nur tioma libereco, ke la piedoj de la kunvenintoj ne estis katenitaj.

La gepatroj, edzinoj kaj infanoj de la arestitoj rigardis unuj al la aliaj kaj interparolis.

Unu infano kantis per aminda voĉo strofon de infana kanto kun interrompoj:

Maniko sekiĝos en sun',
Jen pluvas kaj de nubo kovriĝas la lun'
Ŝi[5] nun ĉevalrajdas en pluvo.

[5] Luno, aperanta ĉi tie kiel novedzino en infana imago. — La trad.

## Balado

**pri la respondo de kompatinda ĉino**

**Honfan**

Kelkfoje al mia vilaĝo
strangulo venas por esploro,
rilaton havas, laŭ mesaĝo,
kun ĵurnalisto redaktoro.
Li min vizitas, de fervoro
ardante por konversaci'
do devas paŭzi la laboro.
Pri tio kulpas sole ni.

Li diris al mi: „Ho, domaĝo
ja estas ĉi milit-teroro,
mem la postulo de furaĝo
jam kaŭzas multe da doloro,
ĉu do pro tio kun rankoro
vi pensas pri l' GM-parti'?"
Nu, kion diri en ĉi horo?
„Pri tio kulpas sole ni".

Li tuj parolis pri l' sovaĝo
de la „banditoj" sen honoro,
pri la fiagoj, pri l' ĉantaĝo,
pri la kruelo al sinjoro.
„Ĉu vi ne vidis kun angoro?"
li urĝis min pri l'opini'.
Mi pensis ion en la koro,
sed diris: „Kulpas sole ni!"

Princo, sinjoro kaj majoro,
min ne demandu pri l' parti',
ĝi agas ja en alta gloro,
pri ĉio kulpas sole ni.

GM partio kaj parti' estas la partio de Cang-Kaj-Ŝek. En la regionoj regataj de la centra registaro oni estas devigita diri „banditoj" anstataŭ „Ĉina Komunista Partio" *(Honfan)*.

---

La kunvenintoj eklarmis.

Oni malpermesis al la infano kanti, disigis la kunvenon kaj arestis la kunvenintojn.

„Venu, virino!"

Oni vokis kaj venigis la patrinon antaŭ detektivon.

Tiu ĉi sidis sur seĝo kaj suspekteme rigardis ŝin supren kaj malsupren.

„Ĉu ci estas la edzino de Murata?"

„Jes."

„Cia nomo?"

# MALNOVAJ LAMPOJ

(Tezo Metrika)
Brendon Clark

III.

**Tradukinte.**

„Bonege estas, diri tion, kion la mondo neniam forgesos."

*(Children's Encyclopedia)*

„Eĉ poezimantaj kritikoj grave eraris de tempo al tempo, rifuzante nomon poezio al versoj, kiuj hazarde ne plaĉis al ili en tiu momento."

*(Children's Encyclopedia)*

„Kioma grado da merito devus difini la Plej Bonan? Ke poemo indu je la genieco de la verkinto — ke ĝi atingu perfektecon konforman al la celo — ke oni postulu poluron proporcian al la mallongeco — ke pasio, koloro kaj originaleco ne povu kompensi pri gravaj neperfektajoj de klareco, unueco au vereco — ke kelke da bonaj versoj ne estigu bonan poemon, ke la vulgara taksado utilu pli trafe kiel gvidilo, ol kiel kompaso — antaŭ ĉio, ke oni serĉu bonegecon en la tuto prefere ol en la partoj — tiuj kaj aliajn normojn oni ĉiam konstante observis."

*(F. T. Palgrave,
en Preface to Golden Treasury of Verse.)*

Mi vekiĝis kvazaŭ el sorĉita revo
Kie homoj, bildoj, vortoj kaj muziko
Kunmiksiĝis — kaj konstatis nevolonte,
Ke la tradukado estas nun finita.
Mi loĝadis kelkajn horojn en la steloj,
Kaj ankoraŭ portas de l'arĝenta polvo;
Mi parolis arde kun eternaj voĉoj,
Kaj iliajn eĥojn aŭdas en la koro.
Vero, paco kaj beleco tie regis,
Akordiĝo kiel inter la anĝeloj;
Ununura homa emocio mankis,
Ĉar malamo pereigas la animon.

*

*Ĉu mi verkis ion vere honorindan?*
Tion mi ne scias. Eble mi reportis
Nur malgrandan eron de la granda fajro,
Nur malklaran eĥon de la klara voĉo,

---

„Huku Murata."
„Kio Murata ?"
„Hu-ku."

La mieno de la detektivo ŝanĝiĝis.

„Hu-ku? Kia impertinenta respondo! Ne estas sen kaŭzo, ke oni arestas kaj malliberigas homojn kiel ci. Stultulino!" kaj li malŝate daŭrigis: „Estas mirinde, ke virino, kiel ci, povas esti edzino!"

La patrino respondis, dum kio ŝi ĉiam pli paliĝis:

„Ni apartenas al la laborista klaso kaj ne ricevis tian edukon, kian ricevis filinoj de riĉuloj. Sed tio ne malhelpas, ke ni estu bonaj edzinoj."

La detektivo delasis la krajonon, kiun li tenis en sia mano, leviĝis de la seĝo kaj donis fortegan vangofrapon sur ŝian maldekstran vangon.

Granda postsigno de manplato ruĝ-nigre reliefiĝis de la makzelo ĝis la palpebroj kaj la brovoj.

„Eniru!"[6]

Malfrue vespere la patrino liberiĝis de la arestejo.

Blovis malvarma vento.

La patrino strečis la obi'on[7] kaj rapide iris hejmen sur frostiĝinta vojo.

Ce vojkruciĝo grupo da studentoj transdonis al ŝi flugfolion.

— Punu Japanan Komunistan Partion en la nomo de la Ĉielo!

— Studenta grupo de Universitato Takusyoku.[8]

[6] T. e. en la arestejon. — La trad.
[7] Obi estas japana zono, per kiu oni ĉirkaŭligas kimonon. — La trad.
[8] „Universitato por Koloniantoj" nun jam ne ekzistanta. Multaj el ĝiaj studentoj estis reakciuloj. — La trad.

Nur memoron de muziko nun silenta...
Mi almenaŭ memorigos nian mondon
Pri la nomoj de mortintoj, kies vortoj
Unuiĝis per magio la belecon
Kun la Vero; vortoj, kiuj postvivados
La tumulton de la militantaj jaroj,
Kaj ankoraŭ nin konsolos kaj mirigos,
Resonante el la Tempo kaj la Tombo.

*

La memoro de la nepensema homo,
Kiel la krepusko, nur mallonge daŭras.
Interesas lin la aktuala saĝo,
Laŭte parolata de aŭdataj voĉoj.
Ke aliaj jam travivis lian vivon,
Solvis liajn vivproblemojn kaj foriris,
Jam ne gravas: ili kuŝas sub la grundo.
„Blazonoj de l' altrango, kaj la riĉo de reĝino,
Kaj ĉio, kion donas la beleco kaj la forto —
Egale ili venas al neevitebla fino:
La vojo al la gloro nur kondukas al la morto."
Povas esti, ke la tradukanto trovos,
Iajn malŝatitajn riĉojn de poeto
Kies povo antaŭiris la komprenon
De la tiamuloj, kaj frapadis vane,
Ĉar tro frue, sur la necedantan pordon:
„Ja multaj la juveloj kies trankvilema lumo
Radias en kavernoj ĉe la oceana fundo;
Ja multaj la kreskaĵoj kies floroj kaj parfumo
Perdiĝas senutile super dezerteca grundo."
Sed per tiuj versoj el la *Elegio*,
GRAY plivole celis la multmil gehomojn,
Kiuj, kvankam nekleruloj, per talento
Efektiva, sed neniam esprimebla,
Sentis en la brusto fortan emocion,
Kiam ili vidis veron kaj belecon.
Tiuj estas ankaŭ inter la poetoj,
Kvankam el iliaj miroplenaj mensoj
Venis eĉ ne unu vorto — kaj luktante
Kontraŭ lo sufokanta, ili staris
Mutaj, en silento de vivanta morto.

*

Se en via koro lumas poezio,
Se en la oreloj sonas la muziko,
Se en via plumo estas tiu povo
Kiu donas la belecon por beleco
Kaj la veron por la vero; se vi volas
Verki kaj reverki, ĝis la klara lingvo,
Simpla kaj ineca kiel ĉe la prozo,
Fluos en la menson verva kiel vino —
Se al tio, jes!, vin petas la Hieraŭ,
Ke vi ligu ĝin kun nia vasta Morgaŭ.
Ni, la tradukantoj turnas la ŝlosilon
En la pordo de la monda trezorejo,
Fine ellerninte la magian vorton
De la majstra magiisto. Niaj manoj
Tenas la malnovajn lampojn, kies lumo,
Retrovita, montras, kvazaŭ fumspirito,
La kaŝitajn gemojn de antaŭaj homoj;
Kaj ju pli ni donos tiujn al aliaj —
Jen, des pli da riĉoj restos por ni mem.

---

La patrino ekvolis disŝiri kaj forĵeti ĝin, sed repensis, ĝin faldis kaj metis en la obion.

Reveninte hejmen, ŝi trovis leteron de sia edzo el la antaŭjuĝa malliberejo.

Li skribis, ke oni lastatempe rimarkinde limigis la librojn sendatajn al la malliberuloj, ke estas absolute ne eble legi librojn, kiajn li deziras, ke tial li ne bezonas nun cerbumadi por elekti la legotojn ktp. Li plue skribis, ke li esperas baldaŭ liberiĝi por labori kaj ankaŭ por aranĝi funebron por Tomoko, la mortinta infano.

La patrino alportis sigeleblan poŝtkarton kaj komencis skribi respondon.

Ekstere blovis forta vento, kiu penetris en la ĉambron.

Ĝi estis jam printempa vento. Ĝi levadis sablojn kaj fulgojn al la ĉielo de Granda Tokio tage kaj nokte.

En tiu bruo de la vento la patrino pensis pri sia mortinta infano.

En ŝiaj okuloj ĝi estis tiel malgranda kiel papavsemo.

La patrino skribis lastan linion: „Ni vivas en humiliĝo."

Kaj ŝi endormiĝis.

El la japana: *T. Kurisu*

(Sigeharu Nakano estas unu el la reprezentaj proletaj verkistoj en Japanio. Li estas sufiĉe multeflanka verkisto estante samtempe bonega poeto, novelisto, eseisto kaj kritikisto. Li estas ankaŭ aktiva politika aganto kaj nun estas membro de la Domo de Konsilantoj (supera domo de la japana parlamento) kiel komunisto.

Tiu ĉi noveleto priskribas epizodon el la historia afero de la 15a de marto 1928, en kiu la japana polico faris amasajn arestojn de komunistoj tra la lando. Ĝi estas bazita sur fakto, kies okulvidanto estis la autoro mem.)

# DISKUTO

## Pri la poetiko de la „Malnovaj Lampoj"

Kara Brendon Clark, mi ne povas lasi sen rimarko kelkajn punktojn de viaj Malnovaj Lampoj. Tiu via Arto Poetika certe enhavas konstatojn indajn je konsidero, sed viaj du postuloj: la absoluta kondamno de la o-elizio kaj la nepra trokeigo de la Esperanta verso ŝajnas al mi neakcepteblaj.

1. Pri la elizio oni povas vin konsenti en tio, ke ĝin oni devas ne trouzi. Sed ĝin tute malpermesi estus tia malfaciligo de la poezia laboro, kiu neniel estas motivita. Unue, le elizio estas Fundamenta, ĝin legitimas la 16. paragrafo de la Fundamenta Gramatiko. Due, ŝpare uzataj elizioj, ne pli ol unu en unu verso, apenaŭ malfaciligas la komprenon. Amiko Rossetti atentigis pri tio, ke la elizion oni vaste uzas en prozo ĉe la kunmetitaj vortoj, kaj ĝis nun neniu plendis pro tio. Kaj se ĉiu facile komprenas la vortojn *mondpaco, celkonscia, kordoloro,* kial oni komprenus pli malfacile la versojn: *al la mond' eterne militanta; tre difinita ĝi estas, la cel' elektita; ho mia kor', ne batu maltrankvile?*

En via akompana letero vi skribis, ke ekzistas homoj, kiuj ĉesigas la legon de poemo ĉe la unua elizio renkontita. Nu, tiuj homoj estas kapriculoj, kaj la Esperanta poezio ne povas adaptiĝi al tia kaprico. Prefere tiuj kapriculoj adaptiĝu al la poezio. Tion ili certe faros, se la Esperanta verso estas vere kara al ili.

Tamen, vi estas prava, oni ne uzu elizion sennecese. Oni ekzemple ne apliku nepre virajn rimojn imitante la originalon. En la franca kaj rusa lingvoj estas kutimo, ke oni ĉiam alternigas rimojn virajn kaj virinajn; en Esperanto, kiel ankaŭ en multaj aliaj lingvoj, tia kutimo ne ekzistas, do estas superflue ĝin trudi perforte, kun malfaciloj ofte venkeblaj nur je la kosto de fideleco al la originala teksto. Se via agitado kontraŭ la elizio rezultigos, ke la tradukantoj ne tenos sin rigide al tiu postulo, kaj klopodos *kiel eble plej malpliigi* la eliziojn, vi faris utilan servon al nia poezio. Sed se vi tenos vin ridige al via principo de *absoluta malpermeso,* vi malutilos al via propra poezia laboro, kaj krome vi izoliĝos komplete en nia poezia vivo.

2. Ankoraŭ pli danĝera estas via alia principo, laŭ kiu oni devas *trokeigi* la Esperantan poezion. Vi argumentas per tio, ke en Esperanto ne ekzistas jambaj vortoj, do ne povas ekzisti jambaj verspiedoj. Sed tio estas erara konkludo el ĝusta konstato.

Nome, la vortoj tute ne devas koincidi kun la verspiedoj. En la latina heksametro:

Infan/dum regi/na ju/bes reno/vare do/lorem

ĉiun vorton distranĉas la piedstrekoj, tiel same kiel en

Ne pre/nu prun/te kaj/ ne prun/te do/nu.

Kaj se tiu estas bona heksametro, kial ĉi tiu ne estus bona jambo?

Per la elimino de la jamboj, nia poezio seniĝus je grava efekto. La jambaj versoj estas pli dramaj, pli rapidaj, ĉar tio, ke la akcento troviĝas sur la dua silabo de la verspiedo, kvazaŭ senpacience antaŭpuŝas la verson. La trokea verso estas pli trankvila, pli kvieta: senpasie rakonta, aŭ lace melankolia.

Ni rigardu ekzemple mian tradukon de la „Okcidenta Vento" de Shelley:

Sovaĝa vento, aŭtunspiro muĝa,
vi mortajn frondojn pelas, nevidebla,
kaj kiel magon fantomar' rifuĝa

vin fuĝas flava, ruĝa, ftizofebra,
pestinfektita multo...

Nun, ni trokeigu la versojn:

Ho sovaĝa vento, autunspiro muĝa,
vi foliojn mortajn pelas, nevidebla,
kaj kiel de mago fantomar' rifuĝa

de vi kuras flava, ruĝa, ftizofebra,
peste infektita multo...

Ĉu vi ne sentas, ke per la ritmoŝanĝo la versoj perdis sian tutan impeton? Ili platiĝis, trankviliĝis: la pasia alvoko fariĝis senpasia rakontado.

Se oni jam devas plilongigi la versojn de traduko pro la troa denso de la angla lingvo, prefere oni elektu la aleksandron:

Sovaĝa spir' aŭtuna, vi okcidenta vento...

Sed, por konservi la seninterrompan jambecon de la versoj, eĉ pli taŭga ŝajnas al mi ĉi tie la sepjambo kun meza vira cezuro:

Sovaĝa okcidenta vent', vi spiro de autuno,
foliojn mortajn pelas vi, estanta nevidebla,
kaj kiel fuĝas antaŭ mag' fantomoj, jen, en bruno

kaj flav' kaj ruĝo fuĝas vin ĉi tiu ftizofebra
pestinfektita multo...

Konklude: la plilongigo de la versoj en el anglaj tradukoj ne povas esti farita ŝablone: oni devas konsideri la bezonatan ritm-efekton. Tiamaniere oni devas elekti aŭ la kromsilaban jamban aleksandron, aŭ la sepjambon, aŭ — eventuale vian proponon, la trokean aleksandron.

Du rimarkoj ankoraŭ.

1. Foje mi proponis por la traduko de la angla

# Instruo, kiel malsani

Karel Ĉapek

Mi ne intencas ja iun instigi, ke li iam ajn malsanu; sed se li tion jam ekfaris, tiam verŝajne eĉ sen mia instruo li sekvos la normalan, la — por tiel diri klasikan proceson de la malsanado. Ĉiu ĝuste kaj konscience trapasata malsano dividiĝas nome — same kiel la antikva Gallujo — je tri partoj:

I. La unua, alinome la propra stadio konsistas en tio, ke la homo fartas iel mise, aŭ eĉ fie, ke lin ie io doloras kaj ke li, unuvorte, ne estas en normala stato, sed ke li ankoraŭ ne decidis malsani. „Ĝi estas bagatelo", diras al si mem la trafita subjekto, iom malheroe evitante la malagrablan imagon, ke lin io turmentas. „Ne, ne", li diras al si, „neniel mi suferas, tio pasos per si mem, plej bone estas ne pensi pri tio; aŭ pri io sin okupi; aŭ iri promeni; eventuale trinki glaseton da prunobrando. Oni ne devas submeti sin al tio", opinias la subjekto, al si mem sin ŝajnigante sentima, „tion kaŭzas nur la malvarma veteraĉo; morgaŭ mi denove sentos min kiel fiŝ' en akvo —".

II. Tamen nek la sekvan, nek la trian tagon sentas sin la homo kiel fiŝ', kaj tiam per la forto de sia volo li trahakas la trodaŭran situacion kaj decidos malsani. La malsanado ne estas ja stato korpa; la pli aŭ malpli malagrabla korpa stato estas nur supozo aŭ motivo, por ke la homo energie decidu preni sur sin la rolon de malsanulo. La malsanado ne rezultas simple el la fakto, ke oni iel suferas, sed el la cirkonstanco, ke oni decidis dediĉi sin al tio kaj sin okupi pri si mem kiel pri paciento. Nur ĉi-momente la homo transiras en la duan stadion: en la malsanadon privatan aŭ amatoran, kiam li komencas sin mem kuracaĉi. Simpla paciento-amatoro havas siajn elprovitajn rimedojn, per kiuj li elpelas ĉian malsanon. Iu kredas je la ŝvitbano, kaj iu je la eritro, ekzistas homoj, kiuj ŝatas sole kompresojn, dum aliaj pleje preferas varmegan vinon kun cinamo. Pli distinginda kaj pli klera paciento tamen procedas pli metode: antaŭ ĉio li faras pri si la diagnozon. Li decidiĝas por la inflamo de l' apendico, por la cerbogripo, aŭ por la pusa angino; konfuzas lin sole tio, ke li ne febras, sed eble ĝi estas nur ia stranga, malofta kaj danĝera formo de la koncerna malsano. Ju pli klera estas la paciento, des pli gravan malsanon li ordinare trovas ĉe si. Simpla homo nur malvarmumas; inteligenta malsanulo havas bronkiton, pleuriton aŭ ion alian latinnoman; sed kio ajn ĝi estas, certe ĝi estas io grava — tio estas jam prohonora devo, ke homo decidinta malsani havu ion eminentan kaj seriozan, kio jam indas la penon.

Nu, rigardu lin: ĉu li ne portas digne sian malsanon, sidante sur brakseĝo en trohejtita ĉambro, ĉirkaŭita de boteloj kun teo, hibisko kaj kamomilo, envolvite en kompresoj, havante ĉe si facilan legaĵon, termometron kaj nazotukon? „Ej, ej", vi diras al li, „kio do estas al vi?" „Supozeble brulumo de la galveziko", li respondas kun heroa trankvileco. „Ho, kia ideo", vi diras partoprene, „kie vi sentas doloron?" „Ĉi tie, kaj tie ĉi", montras la paciento, kaj tiam vi ekprotestas entuziasme: „Vi eraras, homĉjo, ne temas pri galveziko, ĉi tion spertis mi mem, temas ja simple pri la reno —". „Ĉu vi do spertis la

---

blankverso la kromsilaban aleksandron. Nun mi reprenas tiun proponon. Nome, laŭ mia sento, la kromsilaba aleksandro:

Sovaĝa spir' aŭtuna/ vi okcidenta vento...

postulas rimojn. Aliflanke, en dramoj, la sepjambo ŝajnas al mi tro longa. Provizore la sole ebla solvo ŝajnas, laŭ la modelo de Zamenhof, la plimultigo de la versoj, se la Esperanta dekunusilabo ne povas ampleksi la enhavon de la terure densa angla verso.

2. Viaj trokeaj aleksandroj estas misefektaj pro tio, ke ili ne havas mezan cezuron. Tiu formo nepre bezonas ĝin, alie la versoj ne havas spinon, solviĝas en senkaraktera kaĉo.

Ne koleru, ke mi kontraŭdiris vian poetikon. Kaj ne koleru, se mi ripetas, kion mi foje jam diris ie publike: La Esperanta poezio *jam ekzistas*, do en la Esperanta poetiko oni devas esti ne leĝdonanto, sed leĝtrovanto. Sincere via:

**K. Kalocsay**

renon ?" demandas la paciento kun viva intereso. „Kaj ĉu vi tiam ankaŭ sentis doloron tie ĉi, kaj ĉi-loke ?" Ha, memkompreneble", vi atestas ĝoje, „cesu malesperi, sed vi devas eviti la salon, vi devas nenion trinki krom lakto —".

Kaj venas alia proksimulo: li trovas la suferanton en braksego, jen antaŭ li telereto da kaĉo, poteto da lakto, facila legaĵo kaj nazotuko. — „Ej, ej", diras la gasto, „kio do turmentas vin ?" „La reno", respondas la paciento mismiene; „mizere mi fartas, amiko." „Kia ideo pri la reno", komencas murmuri la vizitanto, „ĝi estas gripo — mi ĝin havis, karulo, do for la timon; trinku glaseton da konjako, kaj vi resentos vin kiel fiŝ' en akvo".

La tria proksimulo tamen decide dispelas la ĉagrenojn de la paciento. „Tio *ne estas* gripo. Nuntempe oni ĉion nomas gripo. Mi havis tion saman kiel vi, kaj ĝi estis inflamo de la pleŭro. Cesu timi, mi pro tio litkuŝis unu monaton. Uzu la kompresojn de Priessnitz, enlitiĝu kaj forte ŝvitigu vin —".

Unuvorte, dum la paciento interrilatas kun la ekstera mondo, li baldaŭ konstatas, ke:

1e ekzistas konsiderinda nombro da proksimuloj, kiuj iam havis precize la samajn simptomojn kaj perturbojn, sed ĉiufoje sub alia nomo;

2e ke la homoj, kiuj havis tiujn simptomojn, estas partoprenemaj, pli kolegecaj kaj ĝenerale pli simpatiaj, ol tiuj, kiuj ilin neniam trapasis;

kaj 3e, ke por la paciento estas speciala konsolo kaj kuraĝigo la fakto, ke tion la aliaj ankaŭ spertis.

Tamen, dum la paciento estas lasita al si mem, li dediĉas sin al agado, kiun rekomendas kelkajn filozofoj, nome al la memobservo kaj memekkono; maltrankviligite li aŭskultas ĉiujn voĉojn de sia korpo por konstati, ke jen aperas pikdoloro dekstre, kaj jen maldekstre; nun ĝi estas en la gorĝo, kaj nun kontraŭe ie en la hepato aŭ diosciaskie (eble temas pri la superreno aŭ la lieno). Ju pli multe li koncentrigas sian atenton al sia malsano, des pli senformaj estas liaj sentoj kaj iel pli anonimaj; se li aŭdas orelzumadon, li ne scias, ĉu ankaŭ tio ne estas simptomo de io — eble temas pri ia malsano de la labirinto aŭ de kio. *Lia* malsano, kiun li tiel fikse observas, estas ĉiam pli nedifinita, ĥaosa kaj kvazaŭ ŝvelanta; kaj tiam la paciento rekolektas siajn fortojn al heroa decido: oni konsultos kuraciston — stop! Eble la kuracisto konstatos, ke *efektive* temas pri io, sed tio estas jam indiferenta.

III. La tria stadio estas do la malsanado faka, alivorte medicina. En tiu momento, kiam la homo nudigas antaŭ la kuracisto sian suferantan fizikan substancon, la malsanado ĉesas esti lia privata afero kaj fariĝas kvazaŭ propraĵo de l' kuracisto. La paciento ne estas plu subjekto de la simptomoj; li iĝas objekto de aŭskultado; tiu ĉi radikala ŝanĝo estas travivata iome kvazaŭ ŝoko — sed la paciento

## Tri poemetoj

**Zinaida Aleksandrova**

**Leontodo.**

Leontodo, ora flor',
bela de junec-fervor'
fremdis al ĝi timo-sent',
ne timigis eĉ la vent'.

Leontodo, ora flor',
Iĝis griza, sen kolor'
ĝin, maljunan, kun facil'
tuj disblovis ventospir'.

**Gruoj.**

Jen flugas gruoj tra l'aer',
la kampoj nudaj preterglitas.
Arbarojn ili el aer'
per krioj al kunflug' invitas.

En bosk', en ties mortkviet',
tremoloj pro l'malvarmo tremas,
kaj longe ora foliet'
la gruojn postflugadi penas.

(1940)

**Neĝeroj.**

Neĝeroj flirtas en aer'
blankiĝis jam la strat',
rigidas flakoj sur la ter'
jam en vitreca stat'.

Jen, kie fringo sen avar'
triladis en sunlum',
ruĝpome tie sur branĉar'
piroloj sidas nun.

(1946)

El la rusa: *Hilda Dresen.*

# Vorto de honoro

L. Pantelejev

Bedaŭre, mi ne povas diri la nomon de tiu eta homo, nek, kie li loĝis, kaj kio estis lia patro kaj patrino. Estis jam mallume, kiam ni renkontiĝis. Mi ne povis klare vidi lian vizaĝon, mi memoras nur, ke lia stumpeta nazo estis somermakula, kaj ke lian pantalonelon kruce transmetitaj larĝaj rubandoj tenis sur lia ventro.

Somere, en la parko de Vasiljev-insulo mi trafis lin apud blanka preĝejeto. Sidante sur benko, mi legis ian libron, kaj ne rimarkis, ke vesperiĝas. Formetinte la libron, mi ekiris al la elirejo, sed subite mi haltis. Antaŭ la preĝejo mi ekatentis pri knabeto sep- aŭ okjara, kiu, klininte la kapon, ploris laŭte.

— Kio al vi, knabo?

Kvazaŭ laŭ ordono, li tuj ĉesis plori, alrigardis min kaj diris:

— Nenio.

— Kiel do nenio? Ĉu iu vin ofendis?

— Neniu.

— Kial do vi ploras?

Li englutis kelkajn larmojn kaj ensnufis per la nazo.

— Ni foriru de ĉi tie. — mi diris. — Estas malfrue, oni baldaŭ ŝlosos la ĝardenon. — Mi volis preni lian manon, sed li ne lasis.

— Ne eble, — li diris.

— Kio ne estas ebla?

— Foriri.

— Kiel? Kial? Kio okazis?

— Nenio, — diris la knabo.

— Ĉu vi estas malsana?

— Ne, — li diris, — mi estas sana.

— Kial do vi ne povas foriri?

— Ĉar mi estas gardisto.

— Kia gardisto?

— Kiamaniere vi ne povas kompreni? Ni ludis. Ĉi tio estas ludo.

— Kun kiuj vi ludis?

La knabo silentis, suspiris, poste diris:

— Mi ne scias.

Mi kredis, ke li tamen estas malsana: io ne estas orda en lia kapo.

— Kiel tio povas esti? Vi ludas, kaj vi ne scias, kun kiu?

— Mi ne scias, kun kiu — respondis la knabo. — Mi sidis sur la benko, kaj tiam venis grandaj knaboj kaj demandis: „Ĉu vi volas ludi militon?" Mi diris, ke mi volas. Ni komencis ludi. Ili diris al mi: „Vi estos

---

klopodas la ŝokon ne manifesti; li parolas al la kuracisto abunde kaj ŝerceme, kaj penas anticipe veki ĉe li la impreson, ke temas pri nenio grava. La kuracisto tamen ne tre atentas tion: li ŝovas sian malvarman orelon laŭ la brusto kaj dorso de l'paciento, grumblas „enspiru", „elspiru", „turnu vin", la paciento lin obeas, sed en li kreskas iaj sentoj de amareco kaj terura humiliĝo; li ne estas plu haosa kaj perpleksa animo, sed peco da mallerta karno, kiun oni turnas, trapalpas kaj ĉirkaŭfrapas; la propra korpo estas por li subite fremda kaj antipatia — doktoro, tio ne estas mi, tio estas nur rigida pakajo de homa materio, sed ĉu ne vere, ke mi tute stulte aspektas starante tie ĉi, tio estas neniel digna, diablo mem igis min rampi ĉi tien.

La kuracisto sin levas. „Vi povas surmeti la veston.

Nur kun la veŝto kaj jako revenas al la suferanto la iometo da normala homa memfido; lia civila memo reunuiĝas kun la korpo.

„Nu", diras la kuracisto, „sume ĝi estas nenio grava; faru tion kaj tion, ripozu, ne fumu —".

La paciento aŭskultas evidente elreviĝite. „Kaj ... kio do ĝi propre estas?" fine li demandas eksplode.

La kuracisto diras ion latine. „Ha, tiel", ekspiras la paciento konsolite. Dankon al dio, nun ĝi jam havas nomon; la tuta afero ne estas plu malklara, ĉar nomon ĝi ricevis.

Poste la paciento portas la kazon en sian hejmon, por plue ĝin bredi; nun, kiam ĝi havas nomon, ĝi fariĝis siaspeca afero, difinita kaj kvazaŭ lokita en siajn limojn, nun la paciento ne bezonas plu okupi sin pri si mem, sed sole pri sia malsano, kiu havas latinan nomon.

Kaj se li post kelka tempo renkontas homon, kiu sin sentas mise, li diras al li ĝoje kaj fakule: „Ha, vi havas ĝuste tion saman, kion havis mi."

El la ĉeĥa: *Miloŝ Lukáš*

serĝento." Granda knabo, kiu estis marŝalo, starigis min ĉi tien, apud la domon : „Jen nia municiejo. Vi estos gardisto, kaj vi staros ĉi tie, ĝis ni vin elŝanĝos." Mi diris : „Bone." Li atentigis : „Diru je via honorvorto, ke vi ne foriros."

— Nu ? — mi demandis la knabon.

— Do, mi diris : „Je mia vorto de honoro mi ne foriros."

— Nu ?

— Nu ! Mi staras, staras, kaj ili ne revenas.

— Tiel ! Kaj ĉu delonge vi staras ĉi tie ?

— Ankoraŭ estis lume.

— Kie nun estas la knaboj ?

La somermakulnazulo ree suspiris, kaj diris :

— Ili eble hejmeniris.

— Kiel do hejmeniris ?

— Ili forgesis pri mi.

— Kial do vi staras ĉi tie ?

— Ĉar mi donis mian vorton de honoro.

Mi jam preskaŭ ekridis, sed venis en mian kapon, ke en tio estas nenio ridinda, ke la knabeto estas prava : — vi donis vian vorton de honoro, do persistu. Ĉu ludo, ĉu ne ludo : la honorvorto estas honorvorto.

— Nu, tiel do ni statas ! — mi diris. — Kaj kion vi faros nun ?

— Mi ne scias.

La gardisto staras en la mallumo. Li malsatas. Li timas.

— Ĉu vi volus manĝi ?

— Jes.

— Aŭskultu do. Kuru hejmen, manĝu ion, dume mi gardostaros.

— Ne eble.

— Kial ne eble ?

— Ĉar vi ne estas soldato.

Mi gratis mian kapon kaj diris :

— Prave. Mi ne povas vin anstataŭi, ne estante soldato. Sole soldato rajtas tion.

Mi ekhavis ideon. Se la knabon povas elŝanĝi nur soldato, oni devas akiri soldaton.

— Atendu — mi diris al la knabo. Kaj mi kuris al la elirejo.

La pordo ankoraŭ estis malfermita, mi eliris al la strato. Nenie eĉ spuro de soldato. Starante antaŭ la ĝardenpordego, mi atendis. Venis fervojisto, en tre bela mantelo, sed — ne soldato. Mi atendis plu. Fine, ĉe la proksima tramhaltejo mi rimarkis junan kavalir-majoron, atendantan je tramo. Mi aliris lin.

— Kamarado majoro. Por unu vorto.

Li alrigardis.

— Kion vi deziras ?

— Temas pri tio — mi diris —, ke tie en la ĝardeno, apud la preĝejo, gardostaras knabeto ... Li ne povas foriri, ĉar li donis sian honorvorton ... Tre malgranda knabo. Kaj li ploras.

La majoro ne tro komprenis la aferon. Sed kiam mi klarigis ĝin al li detale, li ekridis.

— Ni iru do, sed rapide, ĉar mi atendas la tramon.

Kiam ni atingis la ĝardenon, la ĝardengardisto estis ĝuste ŝlosonta la pordegon. Ni petis lin atendi kelkajn momentojn. En la mallumo ni elserĉis la malgrandan blankan preĝejon, antaŭ kiu la knabeto staris. Ree li ploris. Mi alkriis.

— Jen la komandanto.

— La knabeto nun ekvidis la majoron kaj, kvankam plorante, elrektigis sin.

— Kamarado gardisto — demandis la majoro —, kian rangon vi havas ?

— Mi estas serĝento.

— Kamarado serĝento, forlasu la domon konfiditan al via gardo !

La knabo silentis, ensnufis la nazon, poste diris :

— Kaj vi, kian rangon vi havas ? Mi ne vidas en la mallumo.

— Mi estas majoro.

La knabo levis la manon al sia ĉapo kaj diris :

— Laŭ ordono, kamarado majoro, mi forlasas la domon konfiditan al mia gardo.

La majoro etendis sian manon al la knabo.

— Brava knabo vi estas, kamarado serĝento. Kiam vi elkreskos, vi estos bona soldato.

La knabo volis respondi soldatece, sed ial li ne trovis la konvenan vorton, do li diris simple :

— Ĝis revido ! — kaj forkuris.

Kiam li elkreskos ... Ankoraŭ ne scieble kio li fariĝos, kiam li elkreskos. Sed mi garantias, ke li fariĝos vera homo.

El la rusa : *K. Stelon*

# LINGVO

**Devi-deveti**

Sdo **Dro Rudolf Pawlik** sendis al mi pri mia respondo je lia artikoleto la sekvantajn rimarkojn:

„1. Ĉu oni obeis aŭ ne, sekvas nur de tio, ĉu la devo estas pli aŭ malpli forta. Miaopinie oni uzas „müssen" aŭ „sollen" unualoke laŭ la forteco de la devo. La vorto sollen ne signifas per si mem ĉiam (implicite) *ne* obei. La nuntempa formo (praesens) pruvas tion: Mám jiti — ich soll gehen — signifas, ke la devo ne estas tre forta. Oni atendas ja, ke mi iros. Sed mi povas decidiĝi, *eble mi iros, eble ne.*

2. La frazo: Mi estus devinta iri signifas ĉeĥe: byl bych musil jiti, germane: Ich hätte gehen müssen. Se „mi estus devinta iri" signifus laŭ interkonsento de vi proponata: Ich sollte gehen — měl jsem jiti — (imperfekto) kiel vi volas traduki: ich hätte gehen sollen — byl bich měl jiti — (pluskvamperfekto)?

3. Miaopinie estas la plej simpla la interkonsento pri nova vortradiko, se „deveti" ne plaĉas al la filologoj. Oni povas elekti „zoli" laŭ la germana sollen, au „dovi" laŭ la itala dovere.

La provizo de radikoj estas ja en Esperanto tre malgranda kompare kun aliaj lingvoj kaj tial nova radiko ne malutilos.

Mi miras, ke dro Zamenhof ne kreis tradukon de „sollen", kvankam li scipovis la germanan kaj la polan lingvojn, kiuj ambaŭ konas ĉi tiun nocion de malpli forta devo."

*

Pri la sama temo, sdo **Dro Jos. Černy** skribas:

„Mi opinias, ke la tradukoj: „mi estus devinta iri" aŭ „mi povus iri, sed mi ne iras (iris)" estus multe pli bone kaj trafe tradukeblaj per la sufikso *end,* kiu, kvankam neoficiala, estus tre bone kaj trafe uzebla. Komparu la du frazojn:

1. Mi estis irenda al la kuracisto.

2. Mi estis povenda tion fari.

Vi eble kontraudiros, ke la sufikso -end estas rezervota nur por la verboj transivitaj. Kial? Ĉio estas nur kutimo, modo aŭ interkonsento. Kial fari esceptojn en tia lingvo, kiel la nia? Tiujn faris la idistoj, kaj aliaj orient- kaj okcidentalistoj. Bonvolu presigi ĉi tion, mi estas scivola, kion diros la aliaj legontoj."

*

Responde al sdo **Pawlik,** mi opinias, ke oni bezonas esprimilon ne por la malpli forta devo, sed por la neobeata devo. La neologismoj „zoli" au „dovi", kiujn li proponas, neniom helpas pri tiu manko; li mem konfesas tion. Mi ne vidas alian solvon, ol la uzon de la us-modo (mi estus devinta iri), ĉar la formo: „mi devis esti irunta" havus nenian ŝancon de ĝenerala akcepto.

Nun ni vidu, ĉu ni bezonas vorton por la esprimo de la malpli forta devo. Ni rigardu la du frazojn:

1. Mi devas iri al la kino, ĉar mi aĉetis bileton.

2. Li devas sin operaciigi, alie li mortos.

Evidente, neniu sentos, ke „devi" en la unua frazo estas tro forta esprimo kaj oni bezonus malpli fortan. Prefere oni estas tentanta plidrastigi la vorton „devi" en la dua frazo, kaj diri „li devegas" au „li nepre devas sin operaciigi". Fakte la vorton „deveti" mi neniam legis ĝis nun, sed „devegi" kaj „nepre devi" estas troveblaj sufiĉe ofte.

Sajnas do, ke „devi" estas plie „sollen" ol „müssen". Kaj „müssen" estas tute bone esprimebla per „devegi", „nepre devi", „esti devigita".

La proponon de sdo **Černy** mi ne trovas aprobebla. Ne tial, ke -*end*- estas rezervota por transitivaj radikoj (oni povas ja diri: *la irenda vojo),* sed tial, ke -*end*- havas sencon pasivan. „Li estas adiauenda" signifas ne: li devetas adiaŭi, sed: oni devas lin adiaŭi. Kaj „povenda" estas kompleta enigmo, kiun mi ne sukcesis solvi.

Se oni volus uzi -*end*-, oni devus diri: „estis al mi irende al la kuracisto". Kaj mi firme opinias — pri ĉi tiu formo neniu entuziasmos.

# OBSERVO

**La Fremdulo de Camus**

En tiu sia cent-kvindek-paĝa libro Camus kundensigis ĉion, kion oni povas nomi lia ĝisnuna kaj postnuna verkado. Per la ĉefheroo de la Fremdulo li ilustras la pupon de „Mithe de Sisyphe", en ĝian temon miksiĝas la temo de du poste aperintaj romanoj (Malatendu kaj Révolt des Asturie), kaj kiel aldonajon ĝi havas mallongan fragmenton el „La Pesto". La fremdulo do donas plenan imagon pri Camus. Ni rigardu do tiun romanon, por ricevi pri li bildon.

La Fremdulo estas Mersault. Mersault estas tiu ekzistisma kreajo, pri kiu estas malfacile diri, kiu li propre estas. Ĉar kia oni rigardu iun, kiel ajn litera-tura kaj ekzistista li estas, kiu, en la morgaŭo de la morto de lia patrino, iras al la strandbano, komencas tre kuriozan rilaton kun tre kurioza virino, plezure ridegas en kinejo pri komika filmo; kiu, hejtata ekskluzive per la sunvarmo, mortigas homon, kaj kiu en la antaŭvespero de sia ekzekuto deklaras, ke li ĉiam estis kaj ankaŭ nun estas feliĉa?

Nu, ni rigardu tiun komentarion, kiun Camus mem donas pri la figuro de Marsault en sia „Mito de Sizifo". „La heroo — li skribas — estas nek bona, nek malbona, nek morala, nek malmorala." Li apartenas al tute

**K. Kalocsay**

speciala speco kaj tiu speco estas la *absurda*. Kaj pri la absurda, Camus klarigas: „Absurda estas tiu estajo, kiu el la fundamenta absurdo senŝancele tiras la doniĝantajn konsekvencojn." La absurdo havas diversajn polusojn; tiuj estas „la morto, la nereduktebla plureco de la veroj, la sensenceco de la realo, la hazardo . . ." Jen do la „individua" originaleco de la Camusa metafiziko. Sed ĉu fakte originala? Ĝi estis ja komuna loko de la klasika pesimismo jam en la deksepa centjaro! Pascal, ekzemple, parolis pri „nia malfortika kaj tiom mizera stato", en kiu, „se ni ĝin observas de pli proksime, nenio povas nin konsoli . . ." Nu, kaj kiel tion diras Camus? „La mondo estas ĥaoso, dia ekvivalento, kiu naskiĝis el anarkio, kaj en kiu ne estas morgaŭo, ĉar ni mortos . . . En tiu universo, senigita je iluzioj kaj lumoj, la homo restas fremdulo, ekzilito, kaj tiu ekzilo estas nereprenebla, ĉar ĝi ne havas memorojn pri perdita patrujo, nek esperojn pri promesita tero." Ĉi tiu frazo de la „Mito de Sizifo" klarigas la titolon de la romano: „Fremdulo". Fremdulo egalas homon, kiu kontraŭmetiĝas al la mondo kaj portas en si la pasion de la absurdo kiel solan veran pasion. Li estas fremda al la mondo, kiel ankaŭ la mondo estas fremda al li, kaj tamen li volas vivi por la hodiaŭo — eĉ sen iluzioj kaj esperoj. Por la absurda homo ĉio estas ebla, ĉio estas permesata — li ja mortos. Ankaŭ mortigi li rajtas. Kiu mortigas, tiu ne estas kulpa, tiu estas same senpeka, kiel la Ingénu de Voltaire, aŭ la primitivuloj de Maugham. Sed eble tamen ne! Mersault ja tute ne estas primitiva, plie naŭza: enkorpiĝo de la naŭzo de l'indiferento, de la Camusa absurdo. „Mi pensis pri tio" — skribas Camus sur la unuaj paĝoj de la Fremdulo —, „ke pasis ankaŭ ĉi tiu dimanĉo, ke oni enterigis mian patrinon, ke mi ree laboros, ke nenio ŝanĝiĝis." Jen nia unua renkontiĝo kun la absurdulo.

Komence de la libro oni ankoraŭ esperas, ke Camus iel klarigos la figuron de Mersault. Bedaŭrinde, tiu espero vaniĝas. La absurdulo ne klariĝas, li nur priskribas. Ankaŭ Camus starigas tezon, sed ne povas pravigi la nepravigeblan, kaj la Fremdulo, la indiferenta fremdulo restas antaŭ ni neklarigita kaj neklarigebla, forlasita ne nur de la mondo, sed ankaŭ de la verkisto, forlasita de ĉiu, kiu lin renkontis. Car tiu Mersault, kiel ajn li vivis laŭ la normoj de Camus, estas ne absurda, plie indiferenta, ne ribela, plie etburĝa; li estas nek sanktulo, nek heroo, nek Don Juan, nek Kreanto, nek Konkeranto, kiel Camus tion prirevis en la „Mito de Sizifo". Ne nur Don Quijote, sed eĉ Sancho Pansa li ne estas.

„La Fremdulo", tiel same kiel „La Pesto" estas ilustraĵo de sensenca metafizika dogmo. Kaj nun oni jam komprenas, kial ĝin reklamas la dekstratendencaj librokolportistoj. Kiel ĉio dogma kaj metafizika kaj mita, ĝi disvastigas la miasmojn de la neofaŝismo.

*M. L.*

**Hans Fallada:**
**Ĉiu mortas tute sola**

La lasta romano de Fallada, mortinta en 1947, estis finita antaŭ la morto de la aŭtoro. Fallada, en ĉi tiu literatura verko, la unuan kaj la lastan fojon provis meti sian talenton en la servon de la demokratia renoviĝo de Germanio.

En 1942, la popola tribunalo de Berlin kondamnis je morto aĝan laboriston, Otto Kwangel kaj lian edzinon Anna. Ili ambaŭ, sen ia interrilato kun sekreta organizaĵo, laŭ sia propra iniciato kaj je propra risko, skribis kaj disvastigis poŝtkartojn, per kiuj ili alvokis la germanojn por rezisto kontraŭ la hitleranaj aŭtoritatoj.

Fallada trovis la aktujon de ĉi tiu proceso en la arkivoj de la Gestapo, kaj el tiuj aktoj [illegible] prenis la temon de sia romano. Kompreneble, al la dokumentaj faktoj li aldonis artan el[illegible], siajn konojn pri la germana vivo, siajn propraĵn observojn kaj impresojn.

La romano malkovras al [illegible] kun granda sugesta forto la mekanismon de la interna [illegible]premo, kiun aplikis la reĝimo hitlera. Domoj, kie najbaro [illegible]onas najbaron; uzinoj, kie la duono de la personaro [illegible]gardas pri la alia; stratoj kaj kvartaloj, kie ĉiu loĝejo kaj loĝanto estas objekto de senlaca polica observo; milionoj de homoj, kiuj, edukitaj en la tradicio de pasiva kaj servema obeo, perdis la lastajn sparkojn de sia konscienco sub la [illegible] efiko de la timo — jen estas, en la romano de Fallada, la bildo de la faŝista Germanio, kie „la tuta aero malbonodoras de perfido". La aŭtoro ne nur [illegible]as la sangmanajn hitleranajn ĉiarangajn, li brulstampas ankaŭ la kriman indiferenton, malnoblan submetiĝon de tiuj, kiuj, kliniĝante antaŭ la terorista reĝimo, pasive observas la krimojn de la hitleranoj. Ĉi tiu romano kompreniĝas, kia respondeco pezas sur la germana popolo.

Fallada povis verki ĉi tiun romanon nur post granda interna krizo, post doloraj kaj gravaj meditatoj. Laŭ multaj konsideroj ĉi tiu romano diferencas de ĉiuj liaj antaŭaj verkoj. Ankaŭ ĉi tie ja, la aventuroj kaj krimoj okupas supermezuran lokon: oni trovas tie estetizon de la misformo, tiujn friponajn animstatojn, tiujn kripligitajn spiritojn, pri kiuj la aŭtoro ĉiam tre interesiĝis. Sed dum antaŭe la priskribo de moralaj malnormalaĵoj estis [illegible] propracela kaj originis en dekadenca vidpunkto, en pesimismo pri la homo — nun ĝi estas subordita al akuraj tendencoj. La verikisto montras kiagrade la hitlerismo favoris la evoluon de la krimaj inklinoj homaj. La ebriulojn, la spar-

ojn, la bordelistojn, la kanajlan proletaron ni vidas en la romano kiel servopretajn helpantojn de la Gestapo: la faŝista diktaturo larĝe utiligis la servojn de la malalt-instinktaj individuoj. Sed tiuj krimaj kaj ŝiaj tipoj, la hitleraj ekzekutistoj kaj iliaj komplicoj ne estas solaj en la romano: ni vidas kontraŭ ili homojn honestajn, kiuj ne fleksiĝas.

En Germanio troviĝas ankoraŭ verkistoj kaj publicistoj, kiuj asertas, ke la germanaj laboristoj neniam rezistis al la faŝista diktaturo. Ili volas eĉ kredigi, ke la faŝistoj trovis rektan apogon inter la popolaj amasoj kaj ĝuis ilian senrezervan helpon, kaj ke la opozicio ekzistis nur en la supraj tavoloj de la socio. Nu, la Gestapo ekzekutis plurajn centmilojn da homoj de la sekreta antifaŝista movado; ĝi sukcesis detrui la izolajn organizaĵojn. La germanaj antifaŝistoj, vere, ne povis unuigi sian forton kaj starigi post sin la laborulajn amasojn; la milionoj da etburĝoj, koruptitaj aŭ timigitaj de la terorismo, restis surdaj al la alvokoj. Granda kaj tragika kulpo estis tio. Tamen, la avangardaj verkistoj scias, en kia tragika soleco troviĝis la batalantoj de la antifaŝismo. Ili trovas oportuna kaj utila paroli pri tiuj honestaj kaj heroaj homoj. Ilia ekzemplo estas riproĉo kontraŭ la egoismo de la filistroj kaj kontraŭpezo al la filozofio de la mizantropoj, al la morala nihilismo, al la skeptikismo pri la forto de la homo, al la tuta reakcia filozofio, kiu ankoraŭ regas la spiriton de tiom da germanoj.

La aŭtoro pripentras kun multe da delikato la socian figuron kaj pensmanieron de sia protagonisto. Kwangel estas kvalifita profesiulo. Li havas etburĝajn karaktertrajtojn. Li laboras en urina kolektivo, sed estas izolita per sia pensmaniero, per sia tuta morala konstruo. De tie lia manko de sociemo, de tie lia tendenco apartigi sin de sia ĉirkaŭaĵo per kvazaŭa bariero. Ĉio ĉi komprenigas parte, kial li elektas tian metodon de lukto; kial, ĝis sia lasta tago, li restas fiere fermita en si mem. Sed li havas ankaŭ valorajn homajn kvalitojn, akiritajn dum longaj jaroj da laboro. Li havas volon kaj grandan internan disciplinon. Obstine li persistas pri sia celo. Li estas severa kaj postulema kontraŭ la aliaj kaj kontraŭ si mem. Ĉi tiuj kvalitoj lin helpas tralukti kun senlaca energio longan duelon kontraŭ ruza kaj sovaĝa malamiko.

Tamen, tie ĉi ni trafas la plej vundeblan punkton de la romano. Ne hazarde la aŭtoro elektis por heroo homon, kiu estis ĉiam malproksime de la publika vivo, de la politika lukto. Fallada neniam konis la avangardajn homojn de sia lando. Kaj tiuj homoj mankas en lia romano.

Ĉu la lukto de Kwangel estis entute motivita, ne estis anticipe vana? Jen la ĉefa demando, al kiu Fallada volas respondi per sia romano.

Kiel drama estas la epizodo, kiam Kwangel, arestita, estas kondukita en la ĉambron de la polickomisaro Escherich! La policisto dum du jaroj markis per flagetoj sur la mapo de Berlin la domojn, kie oni trovis la poŝtkartojn de Kwangel. Kwangel konsternite rigardas tiun mapon, svarmantan de flagetoj — jen do, preskaŭ ĉiuj liaj kartoj trafis en la manojn de la Gestapo. Jen do, ĉiuj liaj fortostreĉoj, lia tuta risko, lia abnegacio estis vanaj.

Sed Fallada tute ne intencas fari tian konkludon, sian romanon li verkis por pruvi ĝuste la malon. Antaŭ ties apero, li publikigis grandan artikolon en la revuo *Aufbau*. Tie li analizas la Gestapo-dokumentojn, kiuj vekis en li la ideon de sia romano. Kaj li finas sian artikolon per la jenaj vortoj:

*„... Ili ambaŭ, Otto kaj Anna Kwangel, venis al la fino de sia vivovojo. Iliajn protestojn oni ne aŭskultis. Ŝajnas, ke ili oferis sian vivon por senfrukta lukto. Sed ĉu eble tiu lukto ne estis tute senfrukta? Eble tiu fortostreĉo ne estis tute vana?*

*Mi, la aŭtoro de ĉi-tiu romano, esperas, ke ilia lukto, ke iliaj suferoj, ke ilia morto ne estis vanaj."*

Kaj Fallada volas, ke la forto de la figuroj, kiujn li vivigas per la rimedoj de la arto, respondu: la lukto de Kwangel estis reale pravigita. Li substrekas la noblajn moralkvalitojn de siaj figuroj, kiuj trovas kontentiĝon en la fakto mem de la lukto, kaj en la sento agi laŭ sia konscienco. Ne longe antaŭ sia morto, Kwangel jene difinas la motivojn de sia agado: „Almenaŭ, mi restis honesta homo ..." Tiel manifestiĝas la morala forto de la laboristo-batalanto. Tamen, la aŭtoro, transmetante akregan socian problemon en la sferon de abstrakta moralo, malpliigis la ideologian efikon de la romano. Li povus pli kategorie konfirmi la komunan utilon de ĉia antifaŝista ago, eĉ se tiu ne estas kronita per tuja sukceso.

Malgraŭ tio, la persono de Kwangel estas unu el la plej grandaj realistaj sukcesoj en la tuta vivo-verko de la aŭtoro. En lia figuro li trovis la esprimon de nova principo, alproprigita en kontakto kun la reprezentantoj de la ŝtato en la sovjeta zono, kie la reala povo apartenas al la laboruloj, al la simplaj homoj, kaj kie li unuafoje povis komunikiĝi kun la germanaj intelektuloj de avangardo (kelkan tempon li estis urbestro).

Ankaŭ la fino de la romano ne konformiĝas al la tradicio de Fallada. Liaj ceteraj romanoj ofte finiĝas per artefarita feliĉa solvo, tute kontraŭa al la antaŭa evoluo de la temo: tiamaniere la aŭtoro evitas la respondon je la demandoj metitaj de si mem, aŭ donas nur respondon fiktivan kaj iluzian. En „Ĉiu mortas tute sola", male, la tuto restas firma kaj klara ĝis la fino. La tragika morto de la geedzoj Kwangel havas profundan sintezan sig-

nifon. Ili estas viktimoj ne nur de la faŝista terorismo, sed ankaŭ de la krima indiferento de iliaj najbaroj, konatoj, kolegoj, kiuj portas al la Gestapo iliajn poŝtkartojn, ne subtenas ilin en ilia pena luktado. La aŭtoro konscias, ke la faŝista infekto restas ankoraŭ viva en la germana popolo, li sciâs, kiel malfacile estos ĝin ekstermi. Kaj tamen, radio de optimismo trabrilas la lastajn paĝojn de la romano.

Du personoj, ĝis tiam epizodaj, ekparolas en la epilogo, kies agado okazas post la falo de la faŝismo: simpla germanino, Eva Kluge, kaj ŝia adoptita filo, Kuno. Ambaŭ devis elteni kruda-jn provojn. La evoluo de Eva Kluge, kiu foriras de sia maldigna edzo kaj komencas novan vivon, estas montrita kun tenera zorgemo kaj per la rimedoj de penetra psikologia analizo. La evoluo de la junulo Kuno estas ne malpli konvinke prezentita: li liberigas sin de sia faŝista „eduko" kaj kutimiĝas al la honesta laboro. La leganto vidas en tiuj du estaĵoj la estontajn civitanojn de la demokratia Germanio.

La romano, kiu revivigas paseon ne malproksiman, intime asociiĝas ankaŭ kun la nuntempaj tagoj. Tiuj, kiujn Fallada denuncas, la nacistoj-ekzekutistoj kaj iliaj komplicoj ĉiaspecaj, plu vivas sub nova masko, sin preparas por novaj krimoj en la okcidentaj zonoj de Germanio. Kaj la ideologia heredaĵo de la hitlerismo ankoraŭ ne estas detruita, tute ne! Ĝi renaskiĝas sub novaj formoj. La romano de Fallada, verko de talento, povas kontribui al la ekstermo de la faŝismo kaj al la demokratia refando de la germana vivo kaj konscienco.

**Hans Paul**

**Ramón Diaz Sanchez: Mene**

La romano de la venezuela verkisto Sanchez aperis en 1936, kaj ricevis literaturan premion. Ĝi estis reeldonita en 1944. Ĝia sukceso en Venezuelo kaj en la ceteraj Latin-Amerikaj landoj sufiĉe atestas pri ĝia arda aktualeco.

La esenca temo de la romano estas la perturboj, kiujn estigas en la petrol-regiono de Cabimas la penetro de la monopolkapitalo, altirita de la petrol-odoro. Ĝi komenciĝas per vilaĝa festo, montranta la malnovan, patriarkan Venezuelon. Aperas vagantaj muzikistoj, jonglistoj, inter ili la aventuristo Joseito Ubert. Ĉi tiu delogas Marthan, filinon de la kampulo Pérez. Ĉe boska randevuo Ubert konstatas surprizite, ke la nigreta fluidaĵo, kiu kovras la teron, kaj kiun la popolo nomas „mene" (de tio venas la titolo de la romano), estas petrolo. Li mistifikas la kredeman loĝantaron, kredigante, ke li estas nepo de antaŭ ne longe mortinta riĉa Cabimasanino, Ursula Castro. Tiamaniere li sukcesas iĝi posedanto de la petrolhava terpeco.

Unu jaro pasas. Martha naskas infanon, sed ties patro, Ubert, dume malaperis. Martha fidas je la permesoj de ŝia deloginto kaj lin reatendas. Cabimas vivas plu sian patriarkan vivon. Sed jen, iutage venas fremda ŝipo kun anglosaksa flago. Sur la ŝipo venas ankaŭ Ubert, tamen ne por teni siajn promesojn al Martha, sed por vendi sian terpecon al la fremduloj. Vespere foriras la ŝipo, kaj kun ĝi ankaŭ Ubert, por neniam plu reveni. La ĝojo de Martha ŝanĝiĝas en malesperon.

Kaj nun finiĝas la patriarka vivo de Cabimas. Negroj, mulatoj, mestizoj kaj indianoj tumultas tien — la febro de la petrolo skuas la urbon. La fremdaj sinjoroj pli kaj pli etendas sian influon, aĉetas de la popolo malkare la kampojn, kaj premas la loĝantojn inter la montojn. La du vilaĝaj maljunuloj, la eksvilaĝestro Casiano, kaj Pérez, la patro de Martha, fariĝas ĉuonparioj. Pérez, kun Martha kaj kun sia nepo — nomita Joseito je la honoro de la patro — ekloĝas en arda, dezerta loko. Tie Martha mortas de hepatmalsano, se ne de doloro kaj malespero. Sia fratino, Maria, forlasas la patran domon, iĝas amatino de unu el la fremdaj sinjoroj, kaj mortas kiel viktimo de pasia krimo. Sur la loko de malnova Cabimas kreskas nova urbo, kun densaj domoj kaj kabanaĉoj, kie svarmas la bunta popolo de petrol-ekspluato kun siaj krimoj kaj diboĉoj. Kaj ne malproksime aperas pura, orda urbeto, kie vivas la sinjoroj, kaj kien enpaŝi estas severe malpermesite ne nur al la homoj koloraj, negroj aŭ indianoj, sed eĉ al la kreoloj mem.

La lasta parto de la romano priskribas la krizon kaj la defalon: la petrolfebro finiĝis. La vivo iom post iom reprenas sian marŝon. Sed tio ne estas plu la antaŭa patriarka ekzisto. Cabimas ŝanĝiĝis, kaj ŝanĝiĝis ankaŭ ĝia loĝantaro. La du maljunuloj, Nectario kaj Casiano konstatas tion kun profunda malĝojo. Ili imagas, ke eble la katolika eklezio ĝin povus ankoraŭ savi. Oni devus nur rezigni pri la malpura egoismo kaj vivi por la komuna bono. Sed tiu reveno al la malnovaj patriarkaj moroj jam tute ne kontentigas la junan generacion. La vivo mem, en la persono de la du nepinoj de Casiano, rifuzas la esperon de la maljunuloj. Ne, certe, ne tio estas la solvo kaj ne tian solvon imagas la aŭtoro.

En kio do, ni povas demandi, li vidas la solvon?

En la lasta ĉapitro, la vaganta poeto Narciso Reinoso, kiu aperas en la romano nur dufoje, en la komenco kaj en la fino, kaj kiu, laŭ la intencoj de la aŭtoro, enkorpigas la popolan konsciencon de Venezuelo, malbenas la petrolon. Interese estas marki, ke tiajn malbenojn ni trovas ankaŭ ĉe aliaj verkistoj Sud-Amerikaj. Ni mencias ekzemple la poemon de la meksikano R. López Velarde, kun tiu karakteriza ekkrio: „Kaj li

petrolo? La diablo ĝin donis al ni!"

Narciso dum sia migrado renkontas, en montara angulo, netuŝita ankoraŭ de la avida mano de la fremda kapitalo, la maljunan Pérez kaj ties nepon, Joseiton. La sovaĝa realaĵo de la kapitalista mondo, kiu faris el la bonhava kampulo duonfrenezan perion, kaj el ties nepo ĉifonan almozulon, pelis ĉi tiujn en la dezerton bruligitan de la ardega suno de Venezuelo. Rigardante la panoramon de la montaro senigita je akvo kaj je verdaĵo, kaj ĉi tiujn mizerulojn, kiujn la Nord-Amerika kapitalinvado forpelis el ilia urbo, Narciso diras la sekvantajn vortojn:

„Mi scias aliajn regionojn, kie la montaroj estas malfermitaj. Ili donas al la homoj, kion ili kaŝas en siaj flankoj, kaj ili donas al la homoj rideton surprizan. Estas tie grandaj riĉbranĉaj arboj, kiuj disetendas refreŝigan ombron. Estas tie kurantaj akvoj, kiuj fluas libere, ĝojigante la koron de la homoj. Kaj ĉu vi scias, kion mi aŭdis tie? Ke la petrolo, precize la petrolo pleniganta nian teron, malhelpas la riverojn fonti, la arbojn kaj arbustrojn ĝermi.

Mi kredas la pravon de tiuj vortoj, ĉar la akvofluetoj, kiuj ĉe ni aperas tie kaj tie ĉi ĉe la surfaco, estas tiuj, kiuj eskapis de la petrolo. Vi eble komprenas, kion mi volas diri. Kiam oni jam finis eltiri la petrolon, kiam ĝin oni jam elpumpis ĝis la lasta guto, tiam la freŝaj akvoj elfluos libere, kaj ni havos tutajn riverojn..."

Narciso eksilentas kaj meditas kelkajn momentojn. „Oni devas nur scii atendi — li diras poste —, sed mi mem preferas atendi tie, kie la riveroj jam fluas."

Narciso detale eksplikas ĉi tiun frazon en sia posta interparolo kun la eta Joseito. „José — li diras —, la homo devas vagi, vidi aliajn landojn. Por iri alian landon, oni ne devas atendi, ĝis oni vin pelas de ĉi tie. Kiam mi havis vian aĝon, mi jam travagis multajn lokojn. La homoj de mia tribo opinias, ke oni povas vivi sole ĉi tie. Profunda eraro! Ĉie ekzistas bonaj homoj!"

„Sed kial do vi mem revenis?" demandas la knabeto kun dubo en la voĉo.

Narciso klarigas ridetante: „Vi volas scii, kial? Car jam longe mi ne estis ĉi tie." Ĉimomente eksonas la sireno de petrol-rafinejo, memorigante pri la proksimeco de la malamiko. La sono de la sireno elŝiras el Narciso la jenan poezian improvizaĵon:

Se eksilentos la sireno
Ekkuros la rivera flu'
La restoj de vagul' Narciso
Ripozos por eterne plu.

Kun tiuj vortoj, Narciso foriras al la horizontoj, de kie li venis. La infano enpensiĝas por momento, poste ekkuras post lin: „Atendu, atendu!" li krias. Kaj ĉi tiuj vortoj de la eta Joseito, reprezentanta la Venezuelon de futuro, finas la romanon.

Ĉi tiu rapida resumo donas al ni la ŝlosilon de la sukceso, kiun la romano akiris ĉe la legantoj sudamerikaj. Kompreneble, ĉi tiu honesta libro havas siajn mankojn. La aŭtoro ekstazas pri la malnova Venezuelo, kiu jam forpasis nereporteble. Ankaŭ la fino de la romano estas, al mi ŝajnas, malpreciza. La laboruloj de Venezuelo devas reguli siajn problemojn ne per eskapismo, sed per tio, ke ili kuraĝe ekluktas kontraŭ la naciaj malfeliĉoj, kaj, antaŭ ĉio, kontraŭ la submeto de la lando al la fremda potenco. La aŭtoro mem, cetere, elektis ĉi tiun vojon, partoprenante en la lukto kontraŭ Juan Vincente Gomez, lakeo de la fremdaj petrolmagnatoj. Du jarojn li sidis pro tio en la karcero de la malnova hispana fortikaĵo de San Carlos.

Tamen, la romano havas eminentajn kvalitojn. Per la ekzemplo de eta petrol-urbo, kiu simbolas ne nur Venezuelon, sed tutan Sud-Amerikon, la aŭtoro montras, kun granda forto de konvinkiĝo, kion alportas la civilizacio de la Wall-Street-manituoj kaj monopolmagnatoj, kiuj sin kovras per frazoj pri la defendo de Sudamerika demokratio kontraŭ la ruĝa, komunista danĝero. Ruiniĝo, mizero, morto, spirita marasmo, subpremo de homaj rajtoj, rasa mistakso al la indiĝenoj — jen la frukto de tiu civilizo. La malbenoj al la petrolo — ĉi tiu grandega riĉaĵo de Venezuelo — kiuj resonas de ĉiuj paĝoj de la romano, evidente estas adresitaj ne al la petrolo en si mem, sed estas protestoj kontraŭ la sovaĝa reĝimo, kiun la fremda monopolkapitalismo aranĝas en Venezuelo, kaj kiu egalas al la intenca sufoko de la ekonomio.

La bela libro de Ramón Diaz Sanchez, kaj la pli kaj pli konsiderinda nombro de antiimperiistaj libroj aperantaj en Latin-Ameriko, montras la pli kaj pli grandan klarvidon kaj komprenon de la ĉi tieaj progresemaj intelektuloj kaj avangardaj verkistoj. **Hernán Rivera**

**Uzbeka filmo pri poeto Navoj**

La filmo, kies reĝisoro kaj ĉiuj aktoroj estas uzbekoj, montras la grandajn progresojn de la kinematografio de Uzbekio. Ili kreis vere monumentan verkon, indan je la ricevita Stalin-premio. La filmo restos digna rememoraĵo pri la 500-jara jubileo de la naskiĝo de Navoj, kiun la tuta Sovjetunio festis en ĉi tiu jaro.

Ni estas en la meza Azio de la 15-a jarcento. Ĉie ankoraŭ la postsignoj de la Tamerlanaj militoj. Sed la granda imperio de Tamerlano estas dismembrata pli kaj pli: sanga milito furiozas inter la heredantoj de la konkerinto. La popolo estas sternita kaj subpremata.

Kaj tiam aperas poeto, kies devizo estas: „Nur kiu havas sur la koro la sorton de la popolo, povas sin nomi homo."

Navoj estis ne sole granda poeto, sed ankaŭ ŝtatviro, kies tuta forto estis dediĉita al la popolo. Kaj tion rakontas al ni la nova filmo de la studioj de Taŝkent. Preskaŭ la tuta vivo de la poeto traruliĝas sur la ekrano ĉe vasta historia fono.

Jen seka senlimo de dezerto bruligita de la suno, majestaj konstruoj de la antikvaj orientaj urboj, Samarkand kaj Herat, metropolo de la Korasana sultanlando... Herat, la ĉefurbo de la ĉefurboj: „se la mondo estas korpo, Herat estas ĝia anim.o" oni diris tiam. Kaj tie vivis Navoj, alta dignulo de Hussein, kiu estis pranepo de Tamerlan kaj sultano de Korasan. Infanaĝa amikeco ligis la poeton kun la princo.

Ankoraŭ kreskaĝa, Navoj revis pri suvereno ideala, defendanto de la popolo. Li esperis, ke Hussein, lia infanaĝa amiko, estos tia suvereno. En ilia amikeco tamen kovas konflikton la interpuŝiĝo de du konceptoj: tiu de Navoj, justa kaj humana, kaj tiu de sultano Hussein, despota kaj perfortema.

La kolizio ne erupcias subite. Ni vidas la kreskaĝajn Navoj kaj Hussein sur la benkoj de la malhela medreso; la mollaho legas la lecionon, sed la du junuloj ne tre auskultas pri liaj frazoj jam parkere sciataj. Ili parolas pri poezio, pri la celo de la vivo. Hussein vigle interesiĝas pri ĉio dirita de Navoj. Jen la auroro de ilia amikeco. Tiam al Navoj ŝajnas, ke li povas transmeti en la junan monarkon siajn ideojn kaj plej karajn aspirojn.

Hussein regas. Ilia amikeco kontinuas. Dum Hussein aŭskultas la voĉon de la racio kaj sekvas la konsilojn de Navoj, kiu volas unuigi la dezertigitajn regionojn en unikan kaj potencan ŝtaton, li estas triumfa kaj lia potenco estas firma. La scienco kaj la artoj floras en Herat. Ni vidas, ke leviĝas konstruaĵoj, estiĝas kanaloj, ligiĝas bonaj rilatoj kun la najbaraj landoj.

Sed la justa kaj senegoisma voĉo de la poeto, defendanto de la popolo, altiras la malamon de la kortegaj granduloj. Oni intrigas kontraŭ li, kaj fine la sultano, homo senvola kaj suspektema, perdas sian fidon al li, kaj lin sendas ekzile el Herat al Astrabad.

Kaj tiam komenciĝas la dekadenco de lia sultanlando. En la kortego regas diboĉo kaj krimo. La regno pli kaj pli malfortiĝas. Laŭ instigo de intrigantoj, Hussein, ebria, subskribas la mortsentencon de Mummin, sia nepo kaj heredonto.

Tiu estas vere frapanta sceno: post tiu bela adoleskulo subite altiĝas la giganta silueto de ekzekutisto. La junulo sin turnas. Nebuloj. Krio de hororo. La krimo estas plenumita.

La morto de Mummin ankoraŭ pli ŝancelas la povon de Hussein. Eĉ kiuj antaŭe flatis liajn malfortojn, nun turniĝas for de li. En sia embaraso li revokas Navoj-on. Esperante, ke la sultano sin submetos al la voĉo de racio, la poeto rapidas al Herat. Lia renkonto al Hussein estas unu el la plej emociaj scenoj da la filmo. Kia gamo de kompleksaj sentoj en la figuroj de la poeto kaj de la sultano! La amikeco reprenas siajn rajtojn. Sed — Navoj ekscias la murdon de Mummin, kaj sin turnas de Hussein kun hororo. „Nun mi vidas, ke dum mia tuta vivo mi tenis torĉon por blindulo" — li diras kaj forlasas la palacon por ĉiam.

En la stratoj, la popolo en entuziasma amaso akompanas sian amaton kaj edukanton, la grandan poeton Navoj. Per ĉi tiu solena sceno finiĝas la filmo: Navoj, blankigita de jaroj, marŝas antaue, sin apogante sur bastono, ĉirkaŭata de respektaj amasoj — li ŝajnas marŝi antau la estontajn jarcentojn...

La artisto Khamrajev enkorpigas la noblan figuron de la poeto, majestan kaj serenan. Ismatov rivelas ĉiujn kontraŭdirojn de la karaktero de Hussein, batalema, de volo malforta, despota, kaprica kaj kruela; li pasas abrupte de unu animstato en la alian, ŝanĝante tonon, ritmon de movoj. La reĝisoro Jarmatov brilas egale en dinamikaj batalbildoj kaj artaj scenigoj de interneja ludo. La filmo fidele reproduktas la arkitekturon, kostumojn, morojn de la antikva Uzbekistan. Jen vere vivanta atesto pri la florado de la uzbeka nacia arto, de tiu Uzzbekio, kiu sub la caroj estis vulgara kolonio de la rusa imperio, kaj kiu nun iĝis prospera respubliko kun progresa kulturo.

K. St.

## La „Feliĉo" de Pavlenko

Voropajev estas kolonelo dum la milito. Li amas sian metion. en la armeo li pasas de venko al venko kaj en ĉiu li havas sian parton personan. Liaj ĉirkaŭantoj lin amas kaj taksas alta lian talenton. Tie, en la fronto, li renkontas admirindan virinon ,talentan kirurginon; ŝi ekamas nian heroon. Ili decidas geedziĝi.

Subite, ĉio renversiĝas. Lin trafas grava vundiĝo, postulanta la amputon de unu gambo. Poste: pulma tuberkulozo. Li ne povas reveni al la armeo. Kaj la amo? Ĉu homo fiera ne havus la timon, ke la sento de la plej proksima persono estos trempita en kompaton, ke la amo transdonos la lokon al kon science plenumita devo? Nu, se estas tiel, ĉu ne prefere tranĉi ĉion per unu fojo, enterigi la mortintajn esperojn, trovi en la naskolando ĉarman angulon kun ĝardeno kaj ermita domet̂o. Eble tio estos la feliĉo, aŭ almenau la trankvilo.

La ŝipo portas Voropajev-on al la eta urbo Krimeo. Nu, tiu angulo de paradizo ne praviĝas sian nomon. La naturo, certe, estas ankorau nun bela, sed la milito detruis preskaŭ ĉion kaj amari la tieaj homoj krude kaj luktas sian vivon inter la ruinaĵoj. „Dometo? — oni demandas

al Voropajev mire —. Prenu, kiun ajn vi volas, sed oni devas ĝin rekonstrui."

Li certe povus rekonstrui dometon. Sed ĉu li povas resti ekster la tiel malfacila kaj heroa vivo, kiu bolas ĉirkaŭ li? Li ankoraŭ ne pasigis 24 horojn en la nova loĝloko, kaj li jam plenpulme spiras la aeron de la dura realaĵo. Li adiaŭas siajn planojn. Li estas invalida, sed ankoraŭ estas kapabla fari multe, anstataŭ trarevi stultan kamparan vivon. La dometo povas atendi. Antaŭe oni devas helpi la homojn. Tio estas lia decido.

Li plonĝas en la torenton de la vivo. Jus formita kolhozo, kun novaj alvenintoj-membroj, prezentas al Voropajev ne tre ĝojigan bildon. Oni devus urĝe replanti la vitojn, kaj la elĉerpitaj homoj ne havas sufiĉe da forto. Ĉe tempesta kunveno de la kolhozanoj, Voropajev intervenas. Li trovas la vortojn necesajn, kiuj bruligas la korojn kaj vivigas en la animoj la flamon de la energio. Li kolektas ĉirkaŭ si tiujn, kun kiuj plej facile li povas trovi komunan lingvon: la iamajn batalantojn de la milito. Kiel ĉe la fronto, soldate, li gvidas la kolhozanojn al atako kontraŭ la vitoj. Neniam tiu kunveno paliĝos en la memoro de la kolhozanoj: ĝi vekis en ili novajn rezervojn de energio, kaŝita en ili mem.

Ĉiutage Voropajev estas pli kaj pli kuntrenata de tiu vivo brula, laciga, ebriiga. La malsano lin sternas, sed tiam la homoj, al kiuj li komunikis la tutan varmon de sia koro, venas lin ĉirkaui per varma homa konsolo.

La temo de la feliĉo konkerita, gajnita per obstina laboro, en malfacila lukto, pasas tra la sorto de ĉiuj romanpersonoj. La junaj geedzoj Podnebesko, de kiuj la milito ĉion rabis, aranĝas hardite novan vivon, marŝas fide al la feliĉo, kaj ne ekzistas forto en la mondo, kiu povus ilin haltigi en ilia vojo.

La persono de Voropajev prezentas la tipon de bolŝevika ĉefo, la kreanton, la heroon ligitan kun la popolo per mil nevideblaj fadenoj. Voropajev akumulas en si bolan energion, el kiuj la homoj ĉerpas, por sin puŝi antaŭen al la novo, al la plibono.

Troviĝas en la romano ĉapitro, kiu lumigas la forton de la ideo elvokanta ĉe la sovjeta popolo tiun potencan krean impulson. Tiu ĉapitro priskribas la renkonton de Voropajev kaj de Stalin. Tio okazas en la tempoj de la historia konferenco en Jalta. Voropajev parolas al Stalin pri la homoj de la regiono, pri la konataj personoj de la romano. La krea fortosteĉo, komuna al tuta popolo,ekde la Ŝtato-ĉefo ĝis la plej simpla laboristo, la fortostreĉo pri sola kaj granda celo, pri la konkero de feliĉo sur la tero por la homaro, — ĉi tio estas admirinde elvokita en tiu parto.

En la romano ni trovas serion da interesaj portretoj de postmilitaj kolhozanoj. Ili montras la grandan ŝanĝon, kiu estiĝis en la kampuloj kompare al la tridekaj jaroj. La kolhozoj unufoje por ĉiam finis pri la obskurismo, sovaĝeco, malvasta horizonto de la antaŭa kampara vivo. La kolhozano grandiĝis tiel politike, kiel kulture. Li plu ne vidas ebla la ekziston ekster la kolhozo. La bazo de lia ekzisto estas ne plu la peno de eksmoda laboristo, sed la solida alianco kun la scienco, kun la moderna tekniko. Karakteriza estas por li la deziro vidi malproksimen, havi klaran perspektivon. Klare kompreni la futuron kaj la perspektivojn de la evoluo, kaj kun deziro pasia rapidigi, per la laboro, tiun evoluon, jen la spirito, kiu nuntempe animas la kolhozan vilaĝon.

Pri ĉio ĉi, tra siaj figuroj, tra ties agado, Pavlenko donas al ni admirinde plastikan bildon.

**K. St.**

# *RECENZO*

## „Johano la brava" de Petőfi en nova eldono

Sándor Petőfi, la hungara poeto, kiu estis genio, revoluciulo, poeto kaj heroo, doninta sian vivon por la idealo de la homa libero, antaŭ cent jaroj verkis siajn batalkantojn je la gloro de la tiama hungara revolucio. La eldono de la naiva epopeo aktualiĝas pro la centenariaj solenoj, per kiuj la nuna Hungarlando lumigas la memoron de tiu granda kaj multevola generacio. Al la novaj generacioj ĝi donis forton kaj eĉ celon por indaj klopodoj.

Mem la poezia popolfabelo, kiel K. Kalocsay mem konstatas en la antaŭparolo, ĉarme naiva rakonto en la formo de majstre aplikita tono de popolfabelo pri ŝafpastisto kaj lia amatino, kiujn disĵetas la fato de la malriĉuloj, sed kiujn reunuigas la miraklopovo de la fabelo, la fantazio de la poeto, unu el la plej unikaj en la mondliteraturo.

Inter la unua kaj dua eldonoj en nia lingvo pasis longa tempo, kaj mem la traduko — kiu estas tralaboro de la unua eldono — donas motivojn por pli vaste okupi nin pri tiu ĉi reeldono, ol kutime oni farus, kiam temas pri nova eldono de libro. Pri la fantazia riĉo de Petőfi — kaj samtempe pri la admirinda traduka kapablo de Kalocsay — konvinkas la leganton la jenaj malmultaj strofoj el la epopeeto:

Jam la sun' leviĝis, for la sunon sendis, / Ĉirkau li la stepo mare sin etendis. / De la sunleviĝo ĝis sunmalapero / Strečis sin senlima, ebenega tero.

Arbojn, arbetaĵojn, florojn, li ne vidis, / Brila roso sole sur herbetoj ridis. / Per radi' unua de la lum' de tago / Flanke ekruĝetis junk-bordera lago.

Sur la lago-rando, meze de junkejo / Manĝon por si serĉis longakola ardeo. / Meze de la lago fiŝist-birdoj, kroze, / Kun flugiloj longaj ĉasis senripoze.

Janĉi iris, iris kun la propra

ombro, / De mallumaj pensoj kun la granda nombro. / Jam la tuta stepo per sunbril' sin vestis, / Sed en lia koro nokt' de noktoj restis.

Tipa agordo de la hungara stepo kaj tipa agordo de popolfabelo, al kiu finfine ĉiu tiel volonte revenas por ripozi kaj forgesi, por trinki el la sama lago, kies akvo estas lau la vortoj de la poeto:

...mem la vivoputo, / Ĉion revivigas el ĝi sola guto.

Kalocsay mirinde fidele kun la humilo de vera artisto, sekvas la poeton kaj tiel rekreiĝis kaj ricevis novan brilon la malnova traduko, la unua el la grandioza serio de K. Kalocsay. La lingvo de la traduko estas simpla; ĝi fluas vere kiel bona prozo; oni povus diri, ke tiu versa verko estas unu el la plej facile legeblaj Esperantaj libroj. Grandegan lerton, kaj certe grandegan paciencon bezonis konservi tian diafanan stilon en versa formo. Neologismoj, nu, ne mankas, sed tute ne svarmas en la libreto: entute — krom la propraj nomoj — estas nur 24 neologaj vortoj (klarigitaj!) sur la 64 paĝoj de la bela libreto, kaj el tiuj la plej granda parto jam estas uzata en nia literatura lingvo. Sed la vorton „lontana“ (malproksima) oni apenaŭ povus motivi per io alia ol ke ĝi estas belsona.

La formo „unun“ ne estas al mi simpatia: pri la gramatika rolo de „unu“ oni povas diskuti, sed per ĝia deklinacio ni nur komplikas nin lingvon, ĉe miskompreneblo oni prefere kulpu je la konto de la koncizo.

La solvoj de Kalocsay preskaŭ senescepte estas bonegaj. Tamen, en la XII-a kanto estas verso, kiun oni ne facile komprenas sen la kono de la originalo: „Frat': Por unu homo mi vin troa trovas.“ La kompletigo ja supozigas, pri kio temas: „Nepre mi du pecojn el vi fari povas.“ Tamen estus eble iom pli bona solvo, kvankam ne ideala: Por esti unu mi vin troa trovas... Mi kuraĝas same proponi etan ŝanĝon sur la 44-a paĝo: Anst. „Si prefere ĉe edzo estu ol subtere“ „Si prefere estu edzin' ol subtere' — tiel la ritmo estus pli glata.

El la novaĵoj (aŭ eble retrovitaj eksperimentoj) al mi ege plaĉis la lingvoriĉiga formo: „Re el ĝi neniam venos enirantoj.“

La budapeŝta presejo produktis belan libreton. (Formato 17x12 cm, 64 p. Prezo: $ —.80 plus 10% sendekostoj.)

F. Szilágyi

**Theo Thijssen: La nevenkebla ĝeno.** (El la nederlanda: F. Faulhaber, 320 p. Eld. Libroservo-Asocio de la Laboristaj Esperantistoj, Amsterdam.)

Originala ideo: rakonto en mozaikoj pri vivo, kiun ne nur bagatele, sed en multaj rilatoj decide direktas, baras, aŭ puŝas antaŭen la nevenkebla ĝeno — la vestoj. Kompreneble la temo plektiĝas per inspeca milde dirita, sed konstante konscia indigno de malriĉulo, al kiu la vestproblemoj signitas ofte multe pli ĝenan baron ol al tiuj, kiuj facile povas bagateligi tion. Oni pli rapide komprenas, kiel la autoro pritraktas la temon, se ni koncize mencias, kiel la libro komenciĝas. La patro de la rakonto estis ŝumetiisto. Foje li faris paron da knabinaj ŝuoj (altegaj, kun sennombraj truoj por la laĉo); la mendo estis speciala kaj li atendis por ili 18 guldenojn. Grandega sumo en malriĉa domo: sed tiun fojon li malsukcesis, la ŝuoj ne estis tute taŭgaj, kaj la memorigo pri la ne-ricevitaj 18 guldenoj, kiel konstanta memorigo restis en la domo, ĝis... Nu, fine la rakontanto, tiam eta knabo, ricevis la knabinŝuojn. La gepatroj ruze altrudis ilin kaj la knabo travivis amaran tempon pro la ŝuoj. Eble la unuajn, sed certe ne la lastajn pro „la nevenkebla ĝeno“. Per tiu ĉi epizodo pri la alte laĉita knabinŝuo ni trovas nin meze en la vivo de malriĉa familio, kaj ĝin sekvas multaj aliaj, prezentitaj en la aminda maniero, senpretenda, senemfaza, sed plene arta kaj sentoplena. Tiu prezentmaniero ĉiam kaptas nin, ĝi neniam venas eĉ la proksimon de la falsa sentimentalismo, aŭ flama patoso. La unua motivo revenas nove kaj nove, la knabo kreskas, la nevenkebla ĝeno akompanas lin dum la tuta vivo, ni vidas la samajn malfacilaĵojn, kiuj vekas komplekson de malpli-favorato. Kompleksojn, kiujn oni ja rimarkas, kiujn oni poste devas venki, ofte energion por ilia malaperigo, energion, kiun oni eble povus uzi alimaniere. La temo, la motivo estas ĉiam la sama, sed neniam ĝi iĝas teda, male: la verkisto regas sian temon kaj provizas la rakonton per sincera, senpera fabelado, humoro kaj malĝojo, turnoj de rakont-artisto kaj ofte kun psikologia profundo, amuzo kaj samtempe apelo je justosento de la progresema homo.

La traduko (kontrolita de la Literatura Komitato) meritas ĉiun laudon. Klara lingvo, korekta, flua kaj agrabla sinsekvo de la dirajoj karakterizas ankaŭ la adapton de la originalo. Nur kelkrilate oni povus rimarkigi formojn, kiuj ne povas plaĉi al ĉiuj pro sia idiotisma karaktero. Interesa propono estas la vorto „reversi“ por la inversigo kaj rekudro de vestoj, jam tro-uzitaj sur sia originala ekstera flanko. La kunigo de pluraj subjektoj au aliaj frazpartoj en la formo de disigaj signoj estas interesa, sed tio havas nur sencon, kiam la rakontanto parolas pri la konstanta duo „Henĉjo-kaj-mi“, sed ĝi estas iom kurioza kaj poste teda, kiam ĝi aperas en tiaj formoj „lakton-en-botelo“ au similaj.

Sed eĉ lingva pedanto ne trovus multe da fendotaj haroj en la bone tradukita libro, kaj kio koncernas la mezan leganton, oni povas certigi, ke en tiu ĉi libro trovas plezuron la favorantoj de la amuza literaturo same, kiel tiuj, kiuj atendas de sia legaĵo problemojn, psikologion kaj pensigon.

F. Szilágyi

# NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca*, 5 rue Savorgnan de Brazza.
*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.
*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.
*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3.
Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.
*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate, *Rickmansworth*.
*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Alabin 33.
*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.
*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.
*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki*, Onnentie 23.
*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.
*HUNGARIO:* Béla Berceli, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.
*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.
*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.
KROATIA Esperanto Ligo *Zagreb* II. Amruseva 5/1.
*NEDERLANDO:* Nederlanda Esperanto Centro, *Rotterdam* W. Huygensstraat 17. B.
*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.
*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, 11 Listopada 22. T. O. Z.
*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.
*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casuta Postale 9.
*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.
*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New York* 11, 114 West 16-th Street.

*Agrablan kristnaskofeston kaj Feliĉan Novjaron deziras*

*Literatura Mondo*

# Informoj de la administracio

Aperigante ĉi tiun numeron ni finas la duan jaron de nia tria periodo. Antaŭ ses monatoj ni donis detalan informon pri la stato de nia revuo. Ni detale informis niajn abonantojn pri la nombro de la abonantoj, pri la malfacilajoj financaj. Nun ni ne multe povas aldoni al tiu raporto. Mi nur povas mencii, ke ankaŭ en tiu ĉi jaro ni aperis regule en ĉiu dua monato kaj laŭ la ricevitaj leteroj kaj kritikoj, niaj abonantoj estas kontentaj pri la enhavo kaj eksterajo de Literatura Mondo.

Multaj samideanoj esprimis la deziron, ke ni aperu monate. Ni ankaŭ celas tion kaj ĉiam je la fino de la jaro ni esperas, ke nun jam dum la sekva jaro ni vere povos aperigi nian organon monate. Sed ho ve, bedaŭrinde, kiam ni devas decidi pri tio, ni ĉiam devas esti tre zorgemaj, ja la financoj ne pliboniĝas kaj ni devas nur ĝoji, ke ni kuraĝas aperigi la revuon ankaŭ por la sekva jaro laŭ la samaj kondiĉoj. Jes, ni devas diri, ke estas vera kuraĝo decidi pri la aperigo de internacia organo dum la nunaj malfacilajoj. Se ni tamen rigardas la nombron de la abonantoj, ni povas konstanti daŭran kreskon. Tiu fakto mem kaj la multaj entuziasmaj kaj entuziasmigaj leteroj donas al ni la kuraĝon daŭrigi nian laboradon.

Nun do ni anoncas la komencon de la tria jaro. Abonprezo restos la sama sumo, kiel por 1948, la sumo de 3.— USA dolaroj aŭ egalvaloro. Ni kredas, ke ĉiuj abonantoj reabonos ankaŭ por la jaro 1949, kaj ni kredas, ke troviĝos multaj kaj multaj samideanoj, kiuj varbos abonantojn por nia revuo.

Ni promesas, ke ankaŭ dum la sekva jaro ni klopodos doni valoran, interesan, multkoloran enhavon, por ke la legado de la revuo servu por la plezuro kaj kulturo de la legantoj.

Ni garantias, ke ankaŭ por la sekva jaro ni aperigos nian revuon regule, laŭ la sama formato kaj aspekto, por ke ĝi servu por la biblioteko de ĉiuj literaturemaj samideanoj kaj por ke niaj propagandistoj povu ĝin uzi kaj ankaŭ pere de ĝi pruvi la praktikan, vivan valoron de nia Movado.

Ni esperu, ke la samideanoj per abono kaj abonigo ebligos al ni tiun laboron!

**La administranto**

---

Kiuj deziras reprezenti la „Esperanto Film-Grupo"-n en sia lando, bonvolu sin anonci grandnombre el ĉiuj landoj. Antwerpse-straat 45. Bergen op Zoom (Nederlando).

## ABONU AL „INTERNACIA KULTURO"

Monata organo de la Danubregionaj esperantistoj, aperas en Sofio, str. Tri Uŝi 15, Bulgario.

**Internacia Kulturo** estas grandformata, 24-paĝa, inkl. la kovriloj, ilustrita, la plej ampleksa kaj malkara Esperanto-gazeto en la mondo. Ĝi estas demokrat-tendenca, progresiva, kontraŭfaŝista revuo, batalanta por justa paco kaj demokrata solidareco inter la popoloj.

„I. K." havas regulajn kunlaborantojn el Pollando, Ĉeĥoslovakio, Rumanio, Jugoslavio, Hungario, Aŭstrio, Ĉinlando, Japanio, Svedio, Danlando, Nederlando kaj aliaj landoj.

Pagu la abonkotizon, 24 forintojn, al nia reprezentanto:

**Literatura Mondo,**
**Budapest, VIII., Rökk Szilárd-str. 28.**

## SVEDA ESPERANTO GAZETO „LA ESPERO"

jam trovis admirantojn tutmonde pro interesa enhavo, bela preso kaj regula apero. Se vi deziras aboni ĝin dum 1949, vi povas pagi

**la abonkotizon, 24.— forintojn,**

al ni kaj vi ricevos rekte el Svedujo ĉiumonate 8, 12 aŭ 16 paĝan numeron, ĉefe esperantlingvan.

**Literatura Mondo,**
**Budapest, VIII., Rökk Szilárd-str. 28.**

KRISTNASKA DONACO

## NOVJARA SUPRIZO

por via amiko estas abono al

Literatura Mondo

Via amiko dankos vin

## REABONU

al nia revuo ĝustatempe. Sendu vian abonon al nia reprezentanto vialanda.

*

Ni povos ekspedi la 1-2 numeron de 1949 nur al la samideanoj, kies abonojn ni jam ricevis ĝis la

15-a de januaro.

REABONU


Felelős szerkesztő és kiadó: Bercell Béla. — Globus, Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Kósa Zoltán